VIIa jaro. No 92 ★ Duonmonata ★ 5 Januaro 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**
Jara abono . . . . . . 1,60 $ (4 fr. ») 
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**
Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). . $ 0,20
Anonceto (1 linio : 10 vortoj). . . $ 0,15
Korespondado (1 enskribo) . . . $ 0,20
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## Al nia legantaro

Hodiaŭ aperas ESPERANTO en sia nova formato, konforme al la deziroj de la plimulto de nia legantaro. Kiel oni povos konstati, la teksto estas tiel ampleksa kiel antaŭe, se ne pli. Ni konservis la samajn rubrikojn kun malmultaj ŝanĝoj kaj por faciligi la legadon kaj serĉadon de la artikoloj, ni zorgos, ke la ĉefaj rubrikoj okupu ordinare la saman nombron de paĝoj. Niaj legantoj, ekzemple, trovos la ĉefartikolojn sur la paĝoj 1-a kaj -a, la diversajn artikolojn de la rubriko Socia Vivo sur la paĝoj 3-7, la Literaturan paĝon kun la ŝatata bibliografio de nia kunlaboranto Verto sur la paĝoj 8-a kaj 9-a ; poste sekvos la diversaj informoj rilataj al Esperantismo, U. E. A., ktp, la anoncetoj kaj reklamoj.

Ni rememorigas, ke de la 1-a februaro la abono estos altigata ĝis **2 Sm.** Do, ĉiuj personoj abonontaj aŭ reabonontaj *antaŭ* tiu dato, pagos nur **1,60 Sm.** Plie, de nun aperos *luksa* eldono, presata sur pli bona papero. Tiu eldono, kies abono kostos **2,50 Sm.** estas aparte rekomendinda por la personoj, kiuj deziras bindi la gazeton.

Ni esperas, ke niaj legantoj favore konsideros ESPERANTO en ĝia nova formo kaj penos por ĝin helpi kaj varbi al ĝi novajn amikojn.

Finante ni sendas al ĉiuj niaj kunlaborantoj kaj legantoj, al ĉiuj Esperantianoj niajn plej korajn bondezirojn por la Nova Jaro.

ESPERANTO.



## UNUECO

La vivo de ĉiu movado estas batalo inter unueco kaj diseco. Se la unua superas, tiam la movado kreskas je propra forto kaj progreskapablo. Se superas la alia, al certa kaj baldaŭa morto iras tiu movado. Sed ĝuste tial ke unueco kondukas al sukceso kaj ĝin kondiĉas, ĝi estas tiom pli malfacile atingebla, kaj ĝi estas malfacila, ĉar ĝi duoble postulas de ĉiu homo : ke li en si mem disciplinigu siajn pensojn kaj fortojn, ke li kiel individuo disciplinigu al individuaro. La diseco ne estas tiel postulema : ĉiu homo agu laŭ sia plaĉo, siaj apetitoj, sia propra fantazio. La homo de l'unueco zorgas nur pri siaj devoj ; la homo de l'diseco nur pri siaj [illegible]. Tre certe tiaj absolutaj tipoj ne ekzistas. En ĉiu [illegible] unueco kaj diseco pli malpli konstante, sed [illegible] esence konstruema, unueco ĉiam emas superi disecon, [illegible] alia metas disecon antaŭ unueco.

Samé en ĉiu movado, kiu volas vivi : unueco devas ĉiam superi disecon, kaj ju pli la tasko de tiu movado estas grava kaj malfacila, des pli postuliĝas la supereco de l'unueco, pri ĉiuj esencaj punktoj.

Kvankam plej diversa pri tio, kion la homoj kutimas konsideri kiel ĉefan unuecon — raso, nacio, gento — la Esperantistaro havas tamen grandan unuecon : unuecon lingvan — sur kiu fondiĝas ĝia ekzistado — per Esperanto ; unuecon idealan per Esperantismo, unuecon organizan per U. E. A. Tiuj unuecoj estas solidaraj unu de la alia, t. e., por progresi, ni ne povas fidi pri la lingva unueco sola sen la unueco ideala aŭ organiza, nek konsideri kiel flankajon la lingvan unuecon kaj ĉefaĵon la idealan unuecon, tial ke la dua ne povas realiĝi sen la unua ; aŭ, alivorte, bona samideano, utila forto por nia movado, estas samtempe bona Esperantisto laŭ la lingvo kaj sia amo al ĝi, bona « Esperantismano » laŭ sia aparta kompreno de la internacia vivo, bona Esperantiano, laŭ la organizo. Kompreneble, tio ne malhelpas, ke ĉiu sin dediĉu pli speciale al tiu aŭ alia fako de nia movado, sed sub la kondiĉo ĉiam vidi ilian kunligon kaj reciprokan reagon.

* * *

Nia lingva unueco, unue formita, estas la plej certe starigita. Ĝi jam kiel bazon havas tradicion, kiu ŝirmas ĝin kontraŭ individuaj kapricoj. Tiu tradicio, ellaborata el la materialo liverata de la Zamenhofa Fundamento, kaj ĉiutage riĉigata per la uzado, sufiĉas al ni. La uzado estas la granda konservanto de l'unueco, sed ĝuste por ebligi kaj faciligi ĝin, necesa estas la organiza kaj ankaŭ la ideala unueco. Nur per tio la lingvo havos vivantan unuecon. La disiga tendenco, antaŭe reprezentata de Idismo en ĉiuj ĝiaj formoj,

(Esperanto (5 Januaro)). — Unueco.



estas nun malpli danĝera ĉar ĝi estis elpelata for de nia movado. Ekstere de ni, Idismo devos aŭ morti pro siaj propraj principoj bazitaj sur diseco, aŭ — se ĝi volas vivi — batali kontraŭ siaj propraj principoj, t. e. kontraŭ siaj adeptoj. Pli grava danĝero estas la Idismo, kiu restas en Esperantismo. Ni ne aludas pri la tendencoj klasika kaj novama, kies ekzisto estas normala, sed pri la tromultaj Esperantistoj kiuj rezonas Idiste, t. e., vidas ekskluzive la lingvan flankon de Esperanto kaj restas ankoraŭ je la sama kompreno de ĝi kiel antaŭ dek jaroj (Beaufronta periodo en Francujo) : lingvo internacia estas konvencia signaro, la sola celo estas propagandi ĝin kaj klopodi ke la registaroj ĝin enkonduku, ĉio alia estas nur flanka afero. Oni nur forgesis diri, kiel kaj kial la registaroj enkondukos ion, kio unue ne pruvis per si mem sian vivkapablon ; oni forgesis montri al ni la pozitivajn rezultatojn de la klopodoj akiritaj aproboj de eminentuloj, kaj la mortigan influon de la blufo, kiun necesigas tiuj alvokoj al la mondo. Tro multe da homoj fidas, ke la sukceso venos de ekstera helpo. Tio estas vera danĝero, ĉar ĝi paralizas fortojn, kiuj povus esti utilaj, ĉar ĝi, post kelkaj neeviteblaj malsukcesoj, mortigas fervoron kaj memkonfidon, sen kiuj movado ne povas prosperi. Kontraŭ tiu tendenco oni ne povos tro batali, ne per vortoj, sed per faktoj, t. e., pruvante kiom la ideala kaj organiza unuecoj estas necesegaj por nia movado kaj la lingva unueco mem.

* *

Malpli preciza kaj malpli forta estas nia ideala unueco. Ĝi tamen ne estas kontestebla. Ĝis nun ĝi estas pure senta : simpatio, solidareco, pli vere, samideaneco, jen el kio konsistas la interna ideo de Esperantismo. Sed la esenco de Esperantismo estas ĝia speciala solvo de la intergentaj rilatoj, ĝia aparta kompreno de internacieco. En tiu rilato malmulto estas farita, ĉio restas farota. Kiom da Esperantistoj daŭras pensi nacie kaj ne povas sin levi super sia nacia juĝo? Kiom komprenas la rajtojn, kiujn permesas samideaneco, sed ne la devojn, kiujn ĝi trudos? Kiom pensas [illegible] ki en sia vivo la spertojn de Esperantismo pri interg[illegible] toj? Kiom da ili precipe, kiuj volonte propagan[illegible] lingvo Esperanto, kaj plene sientas pri Esperant[illegible]. Sed la kulpo estas la manko de gvidantoj. Ni havas sufiĉe da talentaj instruantoj pri Esperanto, sed kiom da *edukantoj* pri Esperantismo ? — ĉar tio ĉi efektive postulas superajn kapablojn. Nur unu ni povus nun havi, nian majstron Zamenhof, kiu en malmultaj paroloj jetis tiel profundajn lumojn pri la socia signifo de Esperantismo. Sed de la Cambridge'a Kongreso, ni tre malmulte aŭdis pri tio. Kiel ajn brilaj kaj utilaj ili estas, ni ĉiam preferos lian paroladon en Cambridge kaj Boulogne, ol la plej belstilajn tradukaĵojn. Ni bezonas kelke da homoj penetritaj de la alta signifo de Esperantismo, homoj kiuj komprenigus al la Esperantistaro la socian valoron de Esperantismo, kiuj aplikus ĝin al la diversaj problemoj de la internacia vivo, kiuj helpus la kreon de tiu komune-homa kulturo, ĉerponta sian vivsukon el Esperantismo kaj radionta super niaj gentaj kulturoj. Tio estas, ni konfesas, grandega tasko, kiu ne estos plenumata en kelkaj jaroj, sed tio ne devas esti preteksto por ĝin neniam komenci. Ĉu la praktikado de Esperantismo, la vivado en organizajoj bazataj sur ĝi, liveros al ni kelkajn tiajn homojn, aŭ ĉu ni devos ankoraŭ longe atendi ?

* *

La fundamenton de la organiza unueco liveras U. E. A. Kvankam antaŭ nelonge kreita, ĝi sukcesis kunigi en unu fasko la pli grandan, parton de la aktiva Esperantistaro. Ĝi havas klaran programon kaj laborkampon ; ĝi celas agi, konstrui, organizi kunlaboradon, kiu, lasata al libera iniciato, estus sen efiko kaj sen kontinueco. Kiom U. E. A. utilas al la plifortigo de la du aliaj unuecoj, ideala kaj lingva, ni ne bezonas longe montri. Ĝi estas ekzemplo de realigo de la Esperantisma idealo, dank'al sia aparta organizo. Rilate al la lingvo, U. E. A. kreas kaj liveras, per siaj servoj, la okazojn, en kiuj ĝi estos uzata, do ĝin vivigas — kion povas fari nur internacia organizaĵo. Oni kelkafoje parolas pri internacia organizaĵo de la Esperantistoj. Sed pri la punktoj, en kiuj tia organizaĵo estas necesa, nome pri uzado de Esperanto kaj kunigo de la homoj ĝin uzantaj, tiu organizaĵo jam ekzistas de du jaroj. Cetere, pri organizo la diseco estas ankoraŭ granda. Ĝi rezultas precipe de tiu ideo, ke propagando estas la plej ĉefa afero, dum ĝi estas vere fruktodona kaj daŭra, nur se ĝi estas *konsekvenco* de la uzado kaj proporcia kun niaj realaj nunaj fortoj pli ol kun niaj ĉiam superaj deziroj. En la nomo de pura propagando, ne zorgante pri la tempo, pri la materialaj kondiĉoj, havante ekstreman iluzion pri la aliĝemeco de la homoj kaj precipe pri la daŭro de ilia aliĝo, oni kreis amason de gazetoj, kiuj aŭ vivetas aŭ pereis, tro multajn societojn, kiuj ekzistas nur sur la papero, tro da entreprenoj, kies iniciatantoj jam kredis pri la gajnegoj riceveblaj per Esperanto. Per granda sola propagando oni povas krei viglan movadon de intereso dum kelkaj semajnoj, nenion pli. Kio restos kaj vivos malgraŭ la jaroj, tio povos esti konstruata nur *kun* la jaroj. Tia estas Esperantismo. Ĉio frumatura, ĉia entrepreno ne respondanta veran bezonon — bezonon vere senteblan nur en organizajo — estas kondamnata al frua morto. Sed tie kuraĉas la vivo. Ĝi lasos ekzisti nur la organizajojn, kiuj respondas celon, nur la entreprenojn, kiuj povas vivi per si mem. Tion precipe ni vidos dum la nuna epoko. Nia movado, se ĝi volas vivi, evolucios al ĉiam pli da unueco, al ĉiam pli da simpleco, al ĉiam pli da seriozeco. Periodo malfacila, sed decidiga, dum kiu havos influon, ne la vortoj nek la blufoj, sed la laboro kaj la pacienca agado

Nian penadon, nian volon ni streĉu do por la konservado, por la plifortigado de tiuj tri unuecoj sin reciproke subtenantaj : lingva, ideala, organiza, aŭ, konkrete, Esperanto, Esperantismo, Esperantio.

H. HODLER.

---

# Liberaj Vortoj

## Antidajoj

Inter lingvaj Esperantistoj :

— Grava novajo !

— Kio do ? La Akademio jus akceptis la sufikson *os* ?

— Tute ne, sed jus aperis nova reformprojekto de Esperanto :

Antido № 77 *bis*, kun la 32-a teorio pri derivado, la 26-a alfabeto internacia...

— Vere grava. En kio konsistas tiu reformo ?

— Ĝi ne estas reformo, sed nur alitonigo de Esperanto.

— Nu, bone, kaj poste ?

— Jen, la substantivo finiĝas per *o* renversita, la verbo per *e*, la adverbo per *i* sen punkto...

— Tre interesa.

— La multenombro finiĝas per *w* kaj la akuzativon oni montras metante la literon i kun punkto antaŭ la finiĝo. *Bonan Matenon* fariĝas *Bonia Matenio*...

— Certe genia.

— En la alfabeto oni forigis ĉiujn literojn kun vostoj, ĉar tio malplaĉas al la teknikistoj.

— Fine, dank'al tiuj ŝanĝoj ĉiuj scienculoj tuj lernos Esperanton kaj la Idistoj estos polvigataj.

— Jes, sed sekretajo : Antido jam preparas sistemon № 78-a kun la 27-a alfabeto internacia. Tiu ĉi alfabeto estas *sen literoj*...

— Dio volu, ke Antido de nun ĉiam publikigu siajn verkojn per tiu alfabeto.

X.

# SOCIA VIVO

KOMERCO

## Vivado kaj estonteco de la komercaj havenoj

La grandaj komercaj havenoj havas en ĉiu lando tre difinitajn funkciojn kaj konsistigas la ĉefajn partojn de nacia ilaro; ili similas pordojn malfermitajn al la tuta mondo, tra kiuj en-kaj eliras la komercajoj necesaj al la homoj kaj la materioj por la industrio.

Kiel organismoj kune naturaj kaj nenaturaj, ili naskiĝas, kreskas, alterne malprosperas kaj reviviĝas; iuj daŭras konformiĝante al la ŝanĝoj de la ekonomia vivado, dum aliaj malaperas post pli malpli longa ekzisto.

La eltrovo de nekonitaj regionoj kaj sekve de novaj marvojoj depost la fino de la 15a jarcento ŝanĝis la direkton de la grandaj komercaj fluoj kaj kaŭzis laŭgradan malprosperon de mediteraneaj havenoj, kiel Genova kaj Venezia, profite al atlantikaj havenoj: Sevilla, Lisboa, Bordeaux, Nantes, Liverpool, Amsterdam pro tio revekiĝis kaj elvolviĝis. Konsekvence, sur la Afrikaj kaj Aziaj marbordoj kreiĝis kontoroj kaj deponejoj aŭ simplaj ŝiphaltejoj laŭ la vojo al la kolonioj fonditaj de la Portugaloj, Hispanoj, Holandoj kaj poste de la Angloj kaj Francoj.

La trafoso de la Suez'a terkolo havis ne malpli grandan influon ol la eltrovo de Ameriko je la sorto de multaj havenoj, kaj same grandnombre fondiĝis marajn negocejojn. Pro la multiĝo de la Eŭropanoj en la transmaraj landoj, grandegaj deponejoj formiĝis ĉe la kruciĝo de la ĉefaj marvojoj (kiel Singapur) aŭ proksime de la graviĝintaj loĝantaroj, kiel Kalkuta, Hong-Kong, Ŝang-hai.

Dum la lasta duono de la 19a jarcento, el la angla koloniigo en Aŭstralazio kaj holanda koloniigo en Maleza insularo rezultis disvolviĝo de novaj maraj komercejoj: Sydney, Melbourne, Auckland, Batavia, dum la Kanadoj kaj Usonanoj fondis sur la Pacifiko Vancouver kaj San-Francisco, nune konkurencatajn de la havenoj Tacoma, Port-Townsend, Seattle kaj Portland.

Sed la flavulaj landoj pli kaj pli aliiĝas kaj samtempe etendiĝas; Jokohama venke konkurencas pri la internacia komerco Nagasaki'n, vizitatan de la Portugaloj depost la 16a jarcento; plie la Usonanoj aranĝis antaŭ nelonge havenojn en Honolulu (insuloj Hawaï) kaj Manilla (Filipinaj insuloj).

La baldaŭa trafoso de la centramerika terkolo favoros, per pliproksimigo de Eŭropo al Oceanio, la Pacifikajn havenojn, precipe de Peruo kaj Ĉilujo (Callao, Valparaiso, k. t. p.)

Ni do vidas, ke laŭ pligrandiĝo de la tutmonda interŝanĝado, novaj havenoj organiziĝas kaj aliaj revigligas. Londono ekzemple, perdis sian longdaŭran kvazaŭ-monopolon nun dividitan kun Hamburg, Rotterdam, Anvers, Dunkerque, Le Havre.

La efektiviĝo de la Gotarda tunelo igis Genova'n grava konkurencanto de Marseille. Kiam haveno estas ĝenata de troeco de ekspedajoj, ĝi baldaŭ vidas elstaron de najbara konkurencanto; sed aliflanke ankaŭ povas okazi la mala fenomeno: koncentriĝo de la tutmonda komerco en relative malmultajn sed grandajn havenojn, perfekte provizitajn, kiuj radias ĝis la koro de la kontinentoj. Tiel ĉiujare kreskas la graveco de New-York, Hong-Kong, Singapur en la internacia komerco.

La Germanoj tre saĝe agis klopodante ĉefe por la aranĝo de tri grandaj havenoj: Hamburg, Bremen, Stettin, kaj donante al ili tre kompletan ilaron; en Francujo male triumfis la bedaŭrinda tendenco dissemi la kreditojn al tro multaj marurboj, ne sufiĉe pretigitaj por plenumi sian difinitan komercan rolon.

Ni nun ekzamenu la kondiĉojn favorajn al la naskiĝo kaj disvolviĝo de mara komercejo, kaj la diversajn kaŭzojn kiuj faras la prosperecon de kelkaj grandaj havenoj kaj igas nerebonigebla la senvivecon aŭ ruiniĝon de aliaj.

La estonto de komerca haveno dependas unue de la geografia situacio, kaj due de naturaj kaj teknikaj aranĝoj.

Ĝi devas esti facile alirebla kaj ŝirmata, t. e. posedi konvenan profundecon kaj rodon sufiĉe protektatan kontraŭ elmaraj ventoj. Apartajn oportunajojn prezentas la golfoformaj enfluejoj (kiel Antverpeno ĉe la enfluejo de la Skeldo); sed se tiaokaze mankas profundeco de la rivero, oni devas krei antaŭhavenon ĉe la marbordo mem; ni povas citi kiel ekzemplojn Cuxhaven por Hamburg, Bremerhaven por Bremen kaj Swinemünde por Stettin.

La amplekso de la ŝipoj ĉiam kreskas, precipe la enakva parto, kiu, ju pli granda ĝi estas, des pli da spaco donas kaj des pli firmigas la ekvilibron. Inĝeniero antaŭdiris, ke en 1920 aŭ 1925 la komercaj ŝipoj atingos 300-330 metrojn longe, 30-35 larĝe kaj 13, eble 15 enakve. La haveno, al kies kajoj ne povos proksimiĝi tiuj gigantajoj, post ne longe malprosperos se ĝi ne kompensos per taŭga arta kanalo la malsuperecon el sia natura situacio. Tian laboron komencis Londono kaj jam efektivigis Nov-Jorko.

Dua kondiĉo de prospereco estas, ke ĝi troviĝu aŭ sur punkto de granda marvojo, ĉe kruciĝo de pluraj komercaj fluoj, kie ĝi utilas kiel deponejo, aŭ proksime de riĉa kaj multhoma regiono kies vendajojn ĝi ekspedas kaj aĉetajojn alportas. Antverpeno estas la preskaŭ sola elvojo de tuta industria Belgujo; Hong-Kong, unu el la plej gravaj foirejoj de la mondo, estas haltejo de produktajoj en grandan parton kaj *el* granda parto de Ĥinujo; sed la regiono najbara al Marseille posedas nek multe da minoj, nek multe da industrioj, kio rezultigas relativan malsuperecon por tiu granda mediteranea haveno.

Post tiuj kondiĉoj estas konsiderindaj la teknikajoj necesaj por plifortigi la naturajn favorajojn: kajoj por albordiĝo, aparatoj por rapidaj ŝarĝo kaj malŝarĝo, basenoj por ekzameno kaj riparoj, k. t. p. Ĉar haveno estas ligilo inter transmaraj landoj kaj sia « postlando », ĝi devas disponi multajn transportajn vojojn disiĝantajn sur la teritorio, kies produktojn ĝi forportas kaj foirojn provizas. La *akvaj* vojoj, kiuj pli malkare ol la feraj, transportas pezajn kaj embarasajn pakajojn, konsistigas por haveno necesegan ilaron, kies manko ĉiam kaŭzas malprofiton. Interalie Hamburg, Bremen, Rotterdam, Antwerpen, Liverpool, Ŝang-haï, New-York ĝuas tiun privilegion; aliflanke la senligeco de Marseille kun la kanaloj de Norda kaj orienta Francujo estas unu el la malhelpoj al ĝia disvolviĝo.

Haveno devas sekve esti kapabla per sia komerca ilaro: 1a akcepti kaj ŝirmi ĉiuampleksajn ŝipojn; 2a certigi rapidan komunikon inter ili kaj la enlandaj transportvojoj, kaj prezenti al ĉiuspecaj komercaj aferoj specialajn kondiĉojn de rapideco kaj malkareco.

Plie, per ĉirkaŭgrupiĝo de diversaj firmoj kaj industriaj establoj, kiuj trovas profiton en tiu situacio ĉe la renkontiĝo de transportvojoj, ĝi protektos sin kontraŭ la riskoj rezultantaj el la okazaj ŝanĝoj en la komercado. Necesaj estas ankaŭ apude uzinoj por prilabori la krudajn substancojn tuj post la malŝarĝo; tiel le Havre rafinas la petrolon kaj preparas la felojn el Ameriko, Bremen posedas la plej grandajn rizmuelejojn de Eŭropo, Hamburg kaj la apudaj urboj Altona kaj Harburg havas fabrikejojn de biero, de ĥemiajoj distilejojn, k. t. p.

Tiuj ĝeneralaj konsideroj, subtenataj per ekzemploj facile citeblaj, montras al ni, kio estas haveno: organismo tre malsimpla, kies ekonomia funkciado dependas de multaj

kondiĉoj, kaj kiun la homa genio povas prosperigi nur helpate de naturaj oportunajoj.

Ĝi devas por eviti gradan ruiniĝon fleksiĝi laŭ ŝanĝemaj kondiĉoj de la internacia komerco, kaj alpreni la teknikajn progresojn preskaŭ ĉiujare eltrovatajn en la navigarto.

I. B.

## Svisaj Industrioj

La malgranda Svisujo estas mondkonata pro sia industriemo. Svisaj fabrikaĵoj ĝuadas nediskuteblan preferon en la tuta mondo. Sed ĉar tin landeto ne havas marhavenon kaj ankaŭ ne mem produktas la krudajn materialojn por la diversaj industrioj, la fabrikejoj precipe kreas specialaĵojn, kiuj — malgraŭ tiuj malfavoraj kondiĉoj — sukcese povas konkuradi kun la produktoj de aliaj landoj. En Svislando ni tial havas la fabrikadon de aparte multvaloraj kaj en teknika vidpunkto tre delikataj artikoloj. La ĉefaj industrioj kavantaj intereson por la tuta mondo estas:

1. Brodaĵ- kaj Puntfarado; 2. Silka industrio (teksaĵoj, rubandoj, k. t. p.); 3. Kotona Industrio (precipe presitaj artikoloj); 4. Bot-Industrio (botoj, ŝuoj); 5. Horloĝa industrio (poŝhorloĝoj, kronometroj); 6. Maŝina industrio (maŝinoj ĉiuspecaj); 7. Ligno-skulptaĵo; 8. Produktado kaj eksporto de fromaĝo; 9. Ĉokoladoj kaj laktaj produktoj. Sinsekve ni provos pli malpli detale priskribi la diversajn industriojn kaj komencas per la

*Brodaĵ- kaj Puntfarado*

Pripensante ke la jara produkto en tiu industrio superas 80 milionojn kaj ke la regiono de ĝi kovras nur tre malgrandan parton de orienta Svisujo, nome la kantonojn St-Gallen, Appenzell, Thurgaŭ kaj parte Zurich, oni kaj konstatos ke ĝi estas sufiĉe grava por nia enlanda vivo kaj prospero. La centro de tiu industrio estas St.-Gallen, kie troviĝas — kiel aga kaj konsila oficejo — la « Komercista Direktejo » la brodaĵa borso kaj granda nombro de plej gravaj firmoj. La tuta negocado estas farata en la borso, kie la fabrikistoj kaj makleristoj kunvenas merkrede kaj sabate. En la multaj eksportejoj milo da manoj kontrolas, disspecigas kaj preparas la brodaĵojn por la eksporto eksterlanden.

En la tuta regiono troviĝas ĉirkaŭ 24.000 brodaĵ- maŝinoj inter kiuj 20.000 tiel nomitaj man- maŝinoj kaj 4.000 maŝinoj kun motora movigado. Per tiuj maŝinoj oni faras la plej grandan parton el ĉiuj brodaĵoj kaj puntoj, sed la plej delikataj kaj plej valoraj artikoloj estas farataj *mane* de tre lertaj gebrodistoj. Specialaĵoj de tiu industrio estas vestoj por pastroj, skarpoj, naztukoj, kaptukoj, antaŭtukoj. ktp. Oni brodas ne nur per kotono, lano kaj silko, sed eĉ per arĝento kaj oro. La lasta eltrovo estas la tiel nomita aera aŭ gravura brodado sur speciale preparita tuko, kiu poste per ĥemia procedo estas forbrulata. En tiuj kaj aliaj artikoloj de la modo la brodaĵa industrio laboradas por la plej grandaj komercfirmoj en Berlin, Paris, London kaj New York. La plej granda parto el ĉiuj brodaĵoj kaj puntoj estas eksportata al Norda Ameriko kaj Anglujo. Pli ol 50.000 personoj el ambaŭ seksoj laboras en tiu industrio, kiu por la regiono kaj la tuta respubliko alportas gravajn sumojn. En la tuta mondo oni konas la brodaĵojn kaj puntojn de St.-Gallen, ĉiu bela virino en New York kiel en Tokio, en Petersburg kiel en Lisabono, ornamas sin per tiuj delikataj objektoj.

J. Schmid (D. D. Svisujo)




TERKULTURADO

## Kiel oni instruas terkulturadon en Usono

Antaŭ ne multe da jaroj en tiuj ŝtatoj de Usono, ĉe kiuj la terkulturado estas la ĉefa kaj plej grava afero de la loĝantaro, komenciĝis la starigado de terkulturaj kolegioj en kiuj la ŝtataj registaroj konsentis preskaŭ senpage instrui la farmistojn pri la plej bonaj kaj la plej alte aprobitaj metodoj uzotaj en ĉiu fazo de terkulturado. Kompreneble multe da terkulturistoj avide ekkaptis tian ŝancon plibonigi sian scion, kaj de la komenco la kolegioj estis sukcesego. Sed pro tio ke ofte la farmistoj loĝis malproksime de la kolegio, kaj sentis ke ili ne povus malŝpari sian tempon kaj monon alvojaĝonte kaj revenonte, sekvis ke la granda plimulto de la kamparanoj ne ĉeestis la instruejojn. Komencis tiam la registaroj pripensi pri aliaj metodoj per kiuj ili povus havigi al siaj ŝtatanoj la scion kiun ili deziris ke la farmistoj havu. Vidinte ke la farmistoj ne venos al la instruejoj, la registaroj decidis ke ili portigus la instruejojn al la instruotoj, kaj rezultis la tiel nomataj « vojaĝantaj kolegioj. »

La unua temo traktata ĉi tiel estis « Maizo ». Speciale konstruitaj fervoj-vagonoj estis aranĝataj, kaj taŭge meblitaj kaj provizitaj je specimenoj de la plej bonaj kaj plej produktemaj maizeroj, je iloj por la kreskigado de la maizo, je fotografaĵoj de labormetodoj, k. t. p., ĉi tiuj vagonoj estis trasendataj tra la maizzonojn de la mezokcidentaj ŝtatoj. Antaŭaj avizoj estis anoncataj en la diversaj urbetoj kaj vilaĝoj tra kiuj la vagonoj pasos, kaj kiam la vagon- aroj haltas, ĉiam atendis amaso da farmistoj pretaj lerni novaĵojn pri la maizkulturado. Estas aranĝite tiel ke oni povas ŝanĝi la internon de la vagono en parolejon, kaj spertaj profesoroj, kiuj akompanas ĝin, faras paroladojn pri la temo traktota. Ili atakas kaj kritikas la malnovajn kaj nebonajn metodojn de la farmistoj, kaj montras al siaj aŭdantoj kiel ili povas kreskigi pli grandajn rikoltojn se ili alprenus la sciencajn metodojn jam sukcese elprovitajn.

La sukcesoj de ĉi tiuj vojaĝantaj lernejoj estas rimarkindaj. Pli bonaj rezultatoj rilate al la produktado de la kulturita tero po hektaro estas evidentaj; akceptinte la konsilon de la instruistoj la farmistoj rikoltas pli grande, kaj la grenaro kreskigita estas plej altgrada. La registaroj, ŝatante tiajn rezultatojn, preparis aliajn vagonojn por la pritraktado de aliaj fazoj de la terkulturado. Specialaj vagonoj elsendiĝis, portante specimenojn de fruktoj, laktaĵoj, tritiko, herbaĵoj, k. t. p. Unuvorte ĉiu fazo de la terkulturado kaj la farmvivado nun estas traktata per la vojaĝantaj kolegioj, de la ajoj de l'kuirejo ĝis la porkejo.

La fervojaj kompanioj, ankaŭ komencas elsendi instruvagonojn, kaj nuntempe ĉiu grava fervojo en Usono havas kelke da vojaĝantaj lernejoj kaj ke la monelmetaĵoj estas kontentigaj oni povas juĝi de la fakto ke ĉiam la fervojaj kompanioj pligrandigas la nombron de tiaj vagonoj.

Vidante la grandajn amasojn da viroj kaj eĉ da virinoj kiuj atendas la venadon de la vagonoj, kaj kiuj interesege aŭskultas la alparoladojn de la profesoroj, akceptante la konsilon donitan, oni ne povas dubi ke jen saĝa paŝo de la registaroj por plibonigi la kondiĉojn de la farmistaro, kaj samtempe pozitiva helpo por la urbanaro tial ke pli grandaj rikoltoj signifas pli malaltajn prezojn por la nutraĵoj.

H. Hall (Cleveland).

FINANCOJ

## La ŝparado en Usono kaj aliaj landoj

Interese estas kompari la enkasigitaĵojn de la ŝparemuloj de diversaj landoj. Facile Usono ĉefas la liston. En ĉi tiu lando sin trovas 9.000.000 da monenmetintoj posedantaj pli

ol 8.000.000.000 Sm., aŭ po ĉiu proksimune 888 Sm. Ĉi tiuj ciferoj nur parte montras pri la prospereco ekzistanta en la okcidenta respubliko, ĉar ŝparkasoj allogas al si nur malgrandan parton de la ŝparajoj pro tio ke estas tiom da aliaj okazoj por profithaviga procentenmetado de la mono. Tiuj okazoj envenigas en la manojn de la emmetinto pli grandan procenton, nome la aĉetado de nemoveblajoj, terpecoj, farmoj, diversaj akcioj, k. t. p. La suprecititaj ciferoj elmontras ne ke la usonanoj estas rimarkinde ŝparemaj, sed pli vere ke ili estas rimarkinde prosperaj. Jen Germanujo havanta 19.000.000 ŝparkontojn kontraŭ 9.000.000 de Usono, tamen la valoro de la tuta Germana kontaro estas nur 6.800.000.000 Sm. kontraŭ la 8.000.000.000 Sm. de la usona kontaro kiu estas proksimume la duono de la germana. Fakte la usonanoj estas la pli malŝparemaj homoj en la mondo, kaj oni ne devus alrigardi tiun lando se oni serĉas idealan ekzemplon de la ŝparemeco, kvankam estas vere ke oni eltrovos ke en Usono pli da mono estas enkasigita. Rilate al la monŝparado Japanujo estas mirindajo, sed la valoro de la kontaro popersone estas malĝojige malgrandega. Tie 15.000.000 monenmetintoj posedas kontaron kiu valoras nur 200.000.000 Sm.

Jen tabelo montranta la staton de la monŝparado en iuj landoj.

| Lando | Nombro da Enmetintoj | Valoro de la Kontaro | Popersone |
|---|---|---|---|
| Usono, | 9.000.000 | 8.000.000.000 $ | 888 $ |
| Germanujo, | 19.000.000 | 6.800.000.000 — | 358 — |
| Britujo, | 13.000.000 | 2.400.000.000 — | 160 — |
| Aŭstrio Hungarujo, | 8.000.800 | 2.300.000.000 — | 300 — |
| Italujo, | 7.000.008 | 1.400.000.000 — | 200 — |
| Japanujo, | 15.000.000 | 200.000.000 — | 13 — |
| Kanado, | 1.700.000 | 1.100.000.000 — | 650 — |
| Aŭstralio, | 1.500.000 | 255.000.000 — | 170 — |

Eble oni povos kritiki la ciferojn cititajn pri Kanado. Estas preskaŭ neeble ricevi tute korektan ciferon kiu rilatas la ŝparajojn de tiu lando pro tio ke estas malfacile diferencigi la komercajn kaj la ŝparajn kontojn.

Kiel estas videbla el ĉi tiuj ciferoj la ŝparpotenco de usonanoj estas granda. Vere tiu potenco neniam antaŭe estis tiel granda spite la konstanta plikariĝado de ĉiuspecaj vivnecesajoj.

H. Hall (Cleveland O.).

IDEOJ & FAKTOJ

## Angla Parlamenta Balotado

Anglujo havas trioblan registaron — monarĥan, aristokratan kaj demokratan; la unua reprezentata de la Reĝo, la dua de la Domo de la Nobeloj (*House of Lords*), la tria de la Domo de Komunumoj (House of Commons). La lasta dua formas la Parlamenton. La Domo de Nobeloj estas hereda, la Domo de Komunumoj estas balotata de la popolo almenaŭ unufoje ĉiusepjare. Tamen malofte la Domo de Komunumoj daŭras dum sep jaroj; ordinare la Registaro devas eksiĝi pli frue.

La balotado kaŭzas por la lando ekscitan periodon kaj preskaŭ ĉiu afero estas malhelpata, kvankam kelkaj komercoj — notinde la gazetaro — per ĝi ricevas antaŭenpuŝon...

Ni sekvu la progreson de unu el ĉi tiuj balotoj. Eble, la Registaron en la Domo de Komunumoj oni venkis pri ia proponita leĝo kaj tial ĝi sin turnas al la regnanoj por ilia decido. La Domo de Komunumoj dissolviĝas kaj la baloto komencas.

Por Parlamenta reprezentado, la lando, enhavanta Kimrujon, Skotlandon kaj Irlandon, estas dividata laŭ partoj, kaj ĉiu parto estas reprezentata de Parlamentano. Estas 670 tiuj ĉi partoj aŭ divizoj, tiel oni nomas ilin (*Divisions*) kaj kiam venas la balotado, la politika militonubo rampas super ĉiuj ili. La Asocioj de la diversaj politikaj partioj ĝenerale elektis siajn kandidatojn, tial ili estas pretaj sin ĵeti tuj en la batalon. La du ĉefaj partioj estas la « Conservative » kaj la « Libéral »; ankaŭ estas du pli malgrandaj partioj, nomita la « Labour » (laboro) kaj la « Irlanda », kiuj kvankam sin interligante ĝenerale kun la « Liberal » nun pli kaj pli fariĝas apartaj.

La voko eksonis, la kandidatoj estas elektotaj — du, tri aŭ eĉ kvar estas batalontaj por unu « Divido ». Aliaflanke, se estas nur unu kandidato, li tiuokaze elektiĝas senbatale. Tamen du estas la ordinara nombro.

Certe, kandidato por elekto bezonas kuraĝon; liaj politikaj ideoj devas esti precizaj; li devas laboradi gigante dum la militiro; li devas esti ĉiam ridetanta kaj amika al siaj partianoj.

Kiam certiĝas ke la balotado nepre okazos, la partioj, asocioj en ĉiu Divido elektas taŭgan personon kiel agenton de la kandidato. Estas li, kiu zorgas pri la detaloj de la balotado, tiel ebligante, ke la kandidato hovu plej multe da tempo por paroladoj en haloj kaj sub ĉielo. Unue oni elektas komitatejon, ĝenerale en la centro de la Divido. Helpajn komitatejojn oni ankaŭ havas — ĝis 3 aŭ 4 — en diversaj partoj de la Divido. Ĉar tiujn ĉi Komitatejojn oni bezonas nur kelkatempe, neokupataj luebla vendejoj estas uzataj por ili. Ili estas facile videblaj kaj scieblaj, tial ke grandaj, sentimaj, brilegaj afiŝoj sin montras en la fenestroj, ŝajne kriegantajn sovaĝajn — kaj kelkfoje ne verain — denuncojn pri la kontraŭa partio.

La kunvenoj aranĝiĝas. Ĉiu uzebla vestiblo estas okupata preskaŭ ĉiuvespere. Ankaŭ okazas subĉielaj kunvenoj, precipe, se la baloto okazas somere. La kunvenoj estas ĝenerale amase vizitataj kaj ofte la parolantoj devas submetiĝi al daŭra demandado kaj interrompado. La ordinara regulo estas, ke demandoj de la ĉeestantaro devas esti skribitaj sur papero kaj transdonataj ĝis la estrado sed oni malofte faras laŭ ĉi tiu regulo kaj demandoj ĉiuflanke atingas la parolantojn.

Tio ĉi estas sufiĉe neŝatebla kaj ĉagreniga, sed estas ankoraŭ pli malbona ofte kontraŭstarularo aŭ eble aro de bruegaj kaj vulgaraj junuloj penas sisteme malbonigi kaj senutiligi la kunvenon, dronigante la voĉon de la parolanto en siaj bonegaj — tre maljusta procedo, kiun la angla publiko kaj gazetaro nun komencas kondamni. Tiuj ĉi « rompuloj » piedfrapas, kantas, fajfas, ridas, ekparolas malsaĝe kaj maldelikate kaj vere estas malhelpajo. Kelkafoje — kvankvam malofte — ili eĉ dangeriĝas, rompante seĝojn kaj fenestrojn, jetante sin sur la estradon kaj pelante la parolantojn.

Kompreneble tiuj ĉi publikaj kunvenoj formas la ekscitegan kaj montrindan flankon de la militiro. Tie ĉi la parlamenta kandidato alvokas siajn subtenistojn kun kortuŝaj akcentoj bataladi por li kun ilia tuta povo; laboradi por li kun tuta ilia talento; tie ĉi laŭ tondraj vortoj aŭ sarkasmajoj, li denuncas kaj detruegas la kontraŭan partion, disŝirante ĝiajn argumentojn videbligante ĝiajn malverajojn, rompante ĝiajn defendâjojn. Se la aŭskultantaro al li estas amika, li faras tion ĉi akompanata de aplaŭdegoj kaj manfrapoj; se ne, li interrompiĝas de ventego de nekonsentaj krioj kaj sibloj.

Sed ekster publika parolado, estas necese fari alian laboron, se oni deziras por la kandidato ŝancon por elekto. La tutan Dividon oni devas sisteme prilabori. Tio ĉi entrepreniĝas de volaj laborantoj — ĝenerale sinjorinoj, kiuj kvankvam ili ne havas parlamentan baloton ofte multe interesiĝas pri politiko kaj multe klopodas por gajni elektantojn al sia kandidato... Ĉiu domo en la Divido estas vizitata. Dubajn kaj kontraŭajn elektantojn oni konvinkas kaj argumentas kaj superakvegas per politikaj pamfletoj, subtenulojn oni rememorigas pri la balota devo. El la Centra Oficejo de ĉiu

partio multe da literaturajo eldoniĝas — pamfletoj, folietoj, libretoj, afiŝoj. Kiam alproksimiĝas la balota tago la batalado eksciiĝas: Vendejoj kaj domoj kovriĝas per afiŝoj en la koloroj de diversaj partioj ; la oreloj de la balotantoj estas ĝis laciĝo atakataj per paroladoj, argumentoj kaj denuncoj ; politiko estas la sola babilada temo — estas argumentoj inter amikoj, inter okazaj konatuloj, inter butikistoj kaj klientoj ; la ĉiutagaj kaj ĉiusemajnaj jurnaloj sin donas al politiko kaj partoprenas en la batalado.

Fine la grava tago venas. Ĉiuj paroladoj estas faritaj, la varbado estas finita ; ĉion, laŭ sia povo, la kandidatoj kaj iliaj subtenantoj faris kaj nun la balotantoj devas decidi.

Lernejon oni elektas kiel balotejon kaj ĝi estas malfermata de la 8a matene ĝis la 8a vespere. Kiam ĉiu envenas, la balota oficisto demandas lian nomon ; post kontrolo oni donas al la balotonto paperon kun la nomoj de la kandidatoj. Li kruce signas apud la nomo de la kandidato, kiun li favoras kaj metas la paperon en la balotujon.

Dum dekdu horoj la balotado daŭras kaj dume la Divido aspektas vivoplena. Motor-ĉaroj, ornamitaj per koloroj de la kandidatoj, kuregas ĉiam portante personojn al kaj de la balotejoj ; ŝajne la kandidatoj estas ĉie samtempe, salutantaj la ĉapelolevintajn kaj ridetantaj ĉiam. Ilia laboro nun praktike finiĝis kaj kun maltrankvilaj pensoj ili atendas la rezulton.

La balotado finiĝas. Je la 8a vespere la balotejo fermiĝas kaj la balotujojn oni forprenas al la urbodomo. Tie ĉi la kalkulado okazas, ekstere amaso kolektiĝas kaj ĉiumomente pligrandiĝas. Iafoje ĝi estas malordema amaso, ĉiam ĝi estas bruega amaso — aplaŭdeganta, krieganta, puŝanta. Ĝenerale ĉirkaŭ la 10a la rezulto sciiĝas oni ĝin anoncas ĉe la ŝtuparo de l'urbodomo kaj montras ĝin ĉe la fenestroj.

Poste la ekscitego de l'amaso, kiu dum du horoj bolis ranspasas ĉiun limon. La nomon de la sukcesa kandidato, oni kriegas triumfe ; li mem aperas ĉe la ŝtuparo kaj eble paroladetas.

Iale la baloto finiĝas. La amaso dividiĝas en pli malgrandaj amasoj, kiuj marŝas tra la Divido, parolegante la nomon de la venkanto. La venkanto mem estas veturigata motorĉare al sia komitatejo, kie alia amazo atendas lin ; li ree paroladas.

Sed grade la ekscitego mortiĝas kaj la loko denove normaliĝas.

Tiu ĉi diras nur pri la batalado en unu Diuido. Praktike estus la sama okazo en ĉiuj 670 Dividoj de granda Britujo. La Dividoj ne balotas samtempe, la balotado ĝenerale daŭras dum unu monato. Kiel pasas tago post tago kaj Divido post Divido elektas sian reprezentanton oni povas scii, kiu partio estas potenca, kiu Partio estas la Registaro. Ĝenerale la urbo-dividoj balotas unue, poste la provincoj kaj fine la universitataj Dividoj.

Fine la finaj tondroj de la balotado grade mortas je la elektado por la *Orkneyr* kaj *Shetlands* tiuj malproksimaj insuloj ĉe la nordo de Skotlando.

E. W. 27.

## La Pariza Sociala Muzeo

La sociala muzeo estas malbone konata, sed utilega ilo por laboristoj kiuj deziras utiligi la societajn bonfarojn : sindikatoj, kooperativoj, mutualaj societoj, asekuroj k. t. p. La grafo de Chambrun, ĝia kreinto, malfermigis ĝin la 25an de marto 1895. Je sia morto li testamentis renton da 48.000 Sm. kaj la domon en kiu ĝi estas loĝata : strato Las Cases 5.

Ĝia celo estas meti senpage al la dispono de la publiko kun informoj kaj konsiloj, la dokumentojn, modelojn, planojn, regulojn de la socialaj institucioj kaj organizajoj kiuj plibonigas la materialan kaj moralan situacion de la laboristoj. La ĉefaj agrimedoj kiujn uzas la sociala Muzeo estas : 1o konstanta ekspozicio de sociala ekonomio. 2o Biblioteko kaj laborĉambro senpage. 3o Komuniko de ĉiuj informoj pri socialaj entreprenoj. 4o Teknikaj konsiloj ĉu pri la aranĝado de kreotaj entreprenoj aŭ ĉu pri la situacio de kreitaj entreprenoj, kaj la sanĝoj kiujn tiu situacio devigas fari. 5o Organizado de paroladoj, kursoj, kaj de parolaj elmontroj kiuj komentarias la ekspozatajn dokumentojn kaj konigas la socialajn ekonomiajn instituciojn. 6o Misioj de studado kaj informoj en Francujo kaj en fremdlandoj. 7o Presajoj por konigi la entreprenojn de la sociala Muzeo, kaj la dokumentojn kolektitajn de ĝi. 8o Premioj kaj medaloj por disdoni inter la plej bonaj entreprenoj kaj la organizado de konkursoj pri specialaj objektoj.

Tio estas la regula programo de la sociala Muzeo. Oni komparis ĝin al enspira kaj elspira pumpilo kiu enspiras en en la tuta mondo la certajn kaj precizajn informojn, kaj poste elspiras ilin en ĉiuj lokoj ĉe kiuj oni deziras fari institucion similan al alia ekzistanta aliloke aŭ prepari novan vojon uzante la antaŭajn spertojn.

Por konigi la faktojn, la instituciojn, kiuj interesas la laboristojn, la sociala Muzeo uzas la librojn, la periodajn gazetojn, la revuojn de la diversaj Labor-Oficejoj de la tuta mondo, kaj ĝi havas korespondantojn en ĉiuj landoj kie la labora vivo montriĝis interesa studinda objekto kaj enketistojn kiuj iras malproksime serĉi informojn en : Anglujo, Aŭstria, Germanujo, Italujo, Nederlando, Danujo, Norvegujo, Usono, Aŭstralio. La nombro de tiuj enketistoj estis 12 por la jaro 1906 kaj 11 por 1907.

Pri la manieroj disdoni informojn al la publiko la Muzeo havas multajn rimedojn : la biblioteko, kiu entenas cirkaŭe 23.000 librojn, kaj ricevas jare 67.000 legantojn ; la Revuo monata kies unua parto estas dediĉata al la Muzea vivo kaj sociala kroniko kaj dua al originalaj artikoloj. La paroladoj estas farataj de la enketistoj, kiuj ĉiuvintre raportas pri la rezultatoj de siaj esploroj. La servo de la teknikaj konsultoj multe kreskas : en 1907 oni respondis letere al 3.500 demandoj. La diversaj konsultaj servoj estas la laborista kaj industria servo la agrikultura, la mutualista, la asekura, kaj la jura, k. t. p.

Entute la Sociala Muzeo estas oficejo de informoj, kiel deziris ĝia fondinto, sed lokita ekster la religiaj kaj politikaj diskutoj. La sociala Muzeo fariĝas varma centro de kiu eliras malavaraj iniciatoj, propaganda centro por la antaŭzorgaj entreprenoj por reciproka helpado, por sociala higieno, kiun la laboristoj kutimiĝas konsideri kiel sian ĉar ili estas certaj trovi en ĝi precizan dokumentaron, koran gastemecon kaj efektivan simpation.

Souchay (Labor-Konsulo U. E. A. Paris).

MONDLITERATURO

## Leila, la lasta romano de Fogazzaro

En Italujo oni nun multe diskutas pri la lasta romano de la fama literaturisto Fogazzaro. Oni rememoras kiujn batalojn, el religia vidpunkto, elvokis lia antaŭa verko, *Il Santo*, kulpigita je modernismo. En sia nova romano, Fogazzaro moderigis siajn opiniojn modernistajn. Tamen tio ne malhelpas, ke naskiĝis diversaj polemikoj. *Leila* estas ama romano. Leila, la junulino kun rekta kaj fiera animo, foriras de la viro — Mass imo Alberti — kiu ŝin amas kaj kiun ŝi amas. Longa estas la angora batalado, sed la amo fine venkas kaj Leila forlasas sian somerdomon de Arsiero por la Vassolda, en Dasio, kie la amato ekzercas la modestan taskon de kampara kuracisto, kaj sin donas al li, preta pasigi kun li vivon en malriĉeco.

En ĉiuj lastaj romanoj de Fogazzaro, la ama dramo miksiĝas kun la religia krizo de animo, kaj ĝuste tiu religia flanko elvokis tiel ardajn polemikojn.

En *Leila* oni retrovas la religiajn priokupojn de l'aŭtoro. Tie ankaŭ estas la religia krizo de l'animo de Massimo Alberti, kiu pasas de l'katolika modernismo al agnoticismo kaj preskaŭ al ateismo, por reveni al siaj antaŭaj kredoj dum terura ventega nokto sur la lago de Lugano, kiam oni rekondukas de Romo la mortajn restajojn de *Il Santo* (kies disĉiplo li estis) por ilin enterigi en la tombejo de Albogasio, inter la lagaj olivarboj. Sed la religia problemo ne okupas la unuan lokon kaj la intereso precipe koncentriĝas al la arda, iom sovaĝa sed lojala koro de Leila, kies sentoj estas priskribataj kun mirinda kaj penetranta poezio.

---

## Kelkaj notoj pri la vivo de Tolstoj

« La 28 aŭgusto 1828 en vilaĝo Jasnaja Poljana al grafo Nikolaj, Iljiĉ Tolstoj naskiĝis filo Lev ; li estas baptita la 29 de pastro Vasilij Mojajskij kun diakono Arĥip, Ivanov psalmisto Aleksandr Tedorov kaj akolito Tedor Grigorjev. Gebaptopatroj dum la bapto estis bienulo de Beljova distrikto Semen, Ivanov Iazikov kaj grafino Pelagia Tolstova ». — Jen estas la oficialaj esprimoj de l'preĝeja baptolibro, per kiuj estis notita la komenco de la granda vivo.

1830. — Mortas la patrino. « Mi tute ne memoras la patrinon » (Memorskriboj).

1836. — Komenco de lernado en Moskvo.

1837. — Mortas la patro.

1844. — Tolstoj fariĝas studento de Filologia fakultato de Kazanja Universitato.

1845. — Ŝanĝo de la fakultato por la Jura. « Mi ĉesis stariĝi por preĝado kaj iradi proprimpulse preĝejon kaj pentofari » (La Konfeso).

1846. — « Ŝanĝo de vivmaniero devas okazi, sed necesas, ke la ŝanĝo estu produktajo ne de l'eksteraj cirkonstancoj, sed de l'amo » (Taglibro).

1847. — Eksiĝo el la Universitato. — « Min tre malmulte interesis la lecionoj de niaj profesoroj en Kazanj » (La vortoj al P. Lœwenfeldt). — « La celo de vivo estas la konscia aspirado al ĉiuflanka evolucio de ĉio ekzistanta » (Taglibro).

1848. — Peterburgo. — Mi ŝanĝis la intencon kaj deziras fariĝi junkro de kavaleri-gvardia regimento » (Letero al frato). — Foriro Jasnajan Poljanan.

1850. — « Mi vivas tute laŭbrute, kvankam ne plene malĉaste ; mi forlasis preskaŭ ĉiujn miajn okupajojn kaj perdis la kuraĝon » (Taglibro).

1851. — Forveturo Kaŭkazon.

1852. — « La simpleco — jen estas la eco, kiun mi deziras akiri pleje » (Taglibro). — La 6 septembro aperas numero de jurnalo « Sovremennik » kun la novelo : « Infaneco », subskribita per : « L. N. T. »

1853. — « Por la nova jaro mi atendas ŝanĝon en mia vivomaniero, kiu — mi tion konfesas — treege tedis min (Letero al frato).

1854. — Oficira ekzameno. — Sebastopolo.

1855. — « Konversacio pri la diajo kaj kredo inspiris al mi majestan grandegan ideon, por kies realigado mi sentas min kapabla fordediĉi la vivon. Tiu ideo estas pri la fondo de nova religio, konforma al la evolucio de l'homaro » (Taglibro).

1856. — Eksiĝo el militservo.

1857. — Vojaĝo eksterlanden. — « Ĉefe-literaturaj laboroj, poste, familidevoj, poste, mastrumado » (Taglibro).

1858. — Grafo L. Tolstoj subskribas la opinion de 105 nobeloj « pri liberigo de servutuloj kun la terapanaĝo ».

1859. — Aranĝo de lernejo en Jasnaja Poljana.

1860. — Mortas la frato Nikolaj. « Tiu-ĉi okazintajo terure min forŝiris de la vivo » (Taglibro).

1861. — Lev Tolstoj plenumas la oficon de paciga peranto.

1862. — Ekeliradas la jurnalo « Jasnaja Poljana ». · La leĝo de progreso aŭ pliperfektiĝo estas skribita en la animo de ĉiu homo, kaj nur pro eraro estas transportata en la historion. — Restante persona, tiu leĝo estas fruktodona kaj de ĉiu atingebla ; transportite en historion, ĝi fariĝas senenhava vanta babilajo, praviganta ĉiun sensencajon kaj fatalismon. » (Jasnaja Poljana). — La 23 septembro edziĝo al S. A. Eers. — « Du semajnojn mi estas edzo feliĉa kaj fariĝis nova, tute nova homo » (Letero al Fet).

1863. — « Mi jam delonge faris elekton : literaturo, arto, pedagogio, familio. Miaj malamikoj : nekonsekvenco, malkuraĝeco, maldiligenteco, malforto » (Taglibro). — La 28 junio naskiĝo de l'unuenaskito Sergej. — « La filo estas malmulte proksima » (Taglibro).

1864. — Laborado je « Vojna i Mir » (Paco kaj Milito). — « Kiom malfacila estas por mi tiu-ĉi antaŭlaboro de profunda plugado de la kampo, kiun mi estas semonta » (Letero al Fet).

1865. — « Mi komencas ami la filon » (Taglibro). — Alproksimiĝanta popola malfeliĉego de malsato kun ĉiu tago turmentas min pli ol io ajn » (Letero al Fet). « La tutmonda historia problemo de Rusujo konsistas el tio, ke ĝi enportu en la mondon la ideon pri la sociala aranĝo de l'teraj proprajoj » (Notlibreto).

1866. — Lev Nikolajeviĉ pledas antaŭ militkampa juĝantaro soldaton Ŝibunin'on, kiu estis ofendinta sian komandanton. (La 9 aŭgusto Ŝibunin estis mortekzekutita).

1869. — La lasta volumo de « La paco kaj milito » ekpresiĝis.

1871. — « De mateno ĝis nokto mi lernas la grekan lingvon » (Letero al Fet).

1872. — « Mia abc-libro ne lasas al mi trankvilon por alia okupado » (Letero al Fet). — « Ĝis perdo de la konsidero mi min okupas dum tiuj tagoj pri la fino de l'aritmetiko » (Letero al Straĥov). « Mi estas certa, ke mi konstruis monumenton per tiu abc-libro » (Letero al Straĥov).

1873. — La 19an de marto estas skribataj la unuaj linioj de « Anna Karjenina ». — La malsato en Samara gubernio. « La letero al la eldonistoj de la gazeto : « Moskovskija Vjedomosti. »

1874. — « Per kio ni vivas? » — « Religio » (Fragmento).

1875. — « Nova abc-libro. »

1877. — Veturo en Optinan monaĥejon.

1878. — La 3-an de junio : « Hieraŭ mi sufiĉe multe skribis en la malgrandan libron pri la kredo, mi mem ne scias, por kio. » (Taglibro). — « La konfeso ».

1879. — « Ekzistas homoj kun grandaj fortaj flugiloj, por volupto malleviĝantaj en popolamason kaj rompantaj la flugilojn. Tia mi estas. Poste ili baraktas kun rompita flugilo, ekflugas forte kaj falas. Kiam miaj flugiloj resaniĝos mi ekflugos alten, Dio helpu. » (Notlibreto.)

1881. — Letero al imperiestro Aleksandro III : « Donu la bonon por la malbono, ne kontraŭstaru al la malbono, pardonu al ĉiuj » — Vojaĝo al Optina monaĥejo. Transloĝiĝo Moskvon. — Oni ĉiam aranĝas sian vivon, kiam do oni komencos vivi? » (Taglibro). — « Mi konvinkiĝis, ke montri la vojon povas sole la vivado, la ekzemplo de vivado. » (Letero al Aleksejev.)

1882. — Moskva ekregistrigo de loĝantoj kaj la partopreno de L. N. « Nia bonfarado ekneniiĝis ». « Se oni semas la Dian, sendube ĝi ĝermos » (Taglibro).

*(Daŭrigota).*

## LITERATURA PAGO

# TRA
LA
# ESPERANTA LITERATURO

### Kiel plaĉas al vi (1)

La komedio de Shakespeare *As you like it*, tradukita de D-ro Ivy Kellerman (S-ino Reed) kaj ludita dum la sesa en Washington sur eksterdoma scenejo, je la 15-a de aŭgusto, jus aperis en eleganta libreto, de perfekta tipografia korekteco, ilustrita per du portretoj kaj dek beletaj fotogravuraĵoj.

La traduko de S-ino Reed estas entute bonega kaj sekvas la originalon kun miriga (eble iom tro laŭlitera) fideleco kaj vera fleksebleco. Kelkaj scenoj eble ŝajnos iom malklaraj. Unue mi opiniis, ke la tradukintino estas kulpa pri tio; sed mi eraris, kaj, komparinte la tradukon kun la originalo kaj francaj tradukoj, mi devas konfesi, ke la « iampostiama » malklareco devenas de la stilo de la originalo mem aŭ de la iom subtila karaktero de pluraj scenoj.

Shakespeare elprenis la « argumenton » de *As you like it* el interesa rakonto de Thomas Lodge, disciplo de John Lilly, patro (aŭ baptopatro) de Euphues. Oni scias ke, en la Angla literaturo, Euphues estas la tipo de l'spritulo, kies afektaj kaj kvintesencaj pensoj kaj frazoj estas veraj enigmoj: mitologiaj aludoj, botanikaj aŭ astrologiaj metaforoj, alĥemiaj rememoraĵoj, jen estas multaj kaŭzoj, kiuj malklarigas la plej simplajn kaj ordinarajn ideojn.

Eble mallonga analizo pli faciligos la legadon de tiu, tiel delikata kiel altpensa, idilia komedio.

Shakespeare kontrastigis la civilizitan societon, kie regas ambicio, maljusto, brutaforto kun kampara kaj arbara naturo, kies paciga influo restarigas ordon, justecon, egalecon. La akra frosta vento de l'arbaro estas malpli akra ol enviemo, ĵaluzo, perfido, maldankemo.

Ho blovu, vintra vent' !
Ne akra via dent'
Kiel la maldankem' :
Ne tiom vundas vi,
Ĉar vin ne vidas ni,
Malgraŭ la frostotzem'. (p. 62.)

Orlando, mortminacita de sia frato olivero, rifuĝas en la Ardenan arbaron, kie jam vivadas, kun kelkaj fidelaj lordoj, la laŭrajta duko, sentronigita kaj ekzilita de sia pli juna frato Frederiko.

Rozalindo, filino de la ekzilita duko, enamiĝas je Rolando, malfeliĉa kaj persekutata. Siavice forpelita de la suspektema Frederiko, ŝi ankaŭ trovas en la arbaro rifuĝejon kaj sanktan azilon. Celio, filino de Frederiko, ne volas forlasi sian kuzinon kaj amikinon. Ŝi forkuras el la patra kortego, kune kun Rozalindo vestita kiel paĝio. La amuzisto Tuŝŝtono ilin akompanas kaj kuraĝigas per sia neelĉerpebla gajhumoro.

La Ardema arbaro estas efektive utopia arbaro, kie renkontiĝas ilekso kaj palmarbo, hinda serpento, damocervo kaj leono. Ĉe la rando de l'arbaro mortiĝas la bruoj de l'mondo, la interfrataj disputoj kaj la homa vanteco. La arbaro estas paciga, bonfarema, instruema :

Kaj jen la nia viv', liberigite
De vizita l' publika, trovas langojn
En arboj, librojn en la riveretoj,
Predikojn en la ŝtonoj, bonon ĉie ! (p. 35.)

En tia vastega arbaro Orlando riskus neniam retrovi sian Rozalindon, sed li kutimas enĉizi sur ĉiuj arboj la nomon kaj laŭdojn de sia amatino. Ŝin li renkontas fine; sed, pro ŝia pseŭdonimo « Ganimedo » kaj ŝiaj paĝiaj vestoj, li ne rekonas la filinon de l'ekzilita duko.

Rozalindo sin amuzas, plej daŭre konservante sian inkognitecon kaj, en delikategaj scenoj, ŝi sprite eltrovas la sekretojn de Orlando, ne konigante la siajn; ŝi ĝuas liajn konfidenciojn kaj amkonfesojn, ne konfesante sian amon. Kiam Orlando forestas, nur tiam ŝi ekkrias : « Ho ! kuzineto, mia kaza kuzineto, ke vi komprenu kiel profunde mi enamiĝis ! sed oni ne povus sondi mian amon : ĝi havas nekonatan fundon, same kiel la golfo Portugala ! » (p. 105.)

Tamen iun tagon ŝi preskaŭ sin perfidas. Unu sendito alportas sangokovritan poŝtukon kaj rakontas, ke Orlando jus estas grave vundita, batalante kaj mortigante leoninon, kiu rigardis « katsimile » homon dormantan sub maljuna kverko. Aŭdante tiun informon, la bela paĝio svenas...

La sendito estas Olivero, frato de Orlando; lin ankaŭ ekzilis, forpelis Frederiko ; lin ankaŭ akceptis kaj rebonigis la arbaro. Nun li pentas; la potenca parica Naturo kaj la altanima konduto de lia frato elŝiris el lia koro ĉiujn malvirtojn de putra kaj putriga societo.

Estis mi,
Sed ne plu estas mi la sama viro ;
Kaj mi ne hontas, al vi klarigante
Eĉ kia mi ja estis, tial ke
La konvertiĝo mia al mi donas
Tre dolĉan senton, per komparo nuna
Al tio, kio mi antaŭe estis. (p. 114.)

Olivero edziĝos kun Celio je la sama tago, kiam Orlando edziĝos kun Rozalindo.

Je sia unua kontakto kun la mistika arbaro, la duko Frederiko siavice konvertiĝis. Li rekrutis armeon por kapti kaj mortigi sian fraton, la laŭrajtan dukon, sed tuj kiam li ekpaŝas sur la arbarorandon, iu religiulo iras renkonte al li kaj decidigas lin, ke li forlasu sian entreprenon kaj eĉ la homan societon. Aŭdinte tiun religian voĉon, kiu estas kvazaŭ la voĉo mem de l'arbara naturo, Frederiko demetas siajn batalilojn, redonas al sia frato la uzurpitan tronon kaj fariĝas anakoreto. (p. 135.)

En tiun fantazian ravan temon, Shakespeare enkondukis du eksterordinarajn personojn, Tuŝŝtono kaj Jakveso, la optimisto kaj la pesimisto. Tuŝŝtono ridas ĉion, ĉar li trovas en ĉio esperon, belon, helojn, tagiĝojn ; Jakveso plendas pri ĉio, tial ke en ĉio li vidas elreviĝojn, malbelon, malhelon, noktiĝon. Al Jakveso la vivo mem (ne nur la societo) ŝajnas unutona kaj funebra ; eĉ la naturon li trovas tiel maljusta, tiel kruela kiel la homa societo,

Pro multaj kaŭzoj (time is money, mi ne havis... tempon) mi ne ĉeestis la Washington'an kongreson; sekve, mi nescias ĉu la kongresanoj povis ĝui la tutan iom subtilan ĉarmon de tiu rava komedio; sed mi estas certa, ke la senpartia leginto konkludos, kiel mi, ke la tiel konscienca verko de D^ro^ Ivy Kellermann meritas plej honoran rangon en nia literaturo.

VERTO.

1) Komedio de Shakespeare, trad. Dro. Ivy Kellermann (1 Sm.)

# Al niaj abonantoj

**Ĉiuj personoj, kies abono finiĝas kun tiu ĉi n° estas petataj sendi al ni kiel eble plej baldaŭ sian reabonon.**

**Ĉiuj personoj, kiuj sendos sian reabonon antaŭ la 1. Februaro, pagos nur 1,60 Sm. Post tiu dato, kiel anoncite en nia lasta n°, la abono estos altigata ĝis 2 Sm.**

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

*(El niaj specialaj distriktaj korespondantoj)*

**Okcidenta Italujo.**

Dum 1911 okazos en Genova internacia ekspozicio de higieno, ĉefe marista, samtempe kun la gravaj ekspozicioj okazantaj en Torino kaj Romo. Dum Pentekosto, okazos en Genova la 2ª Itala Esp-ista kongreso. La tiea Esp. Unuiĝo esperas, ke por helpi ĝin la samideanoj vizitontaj tiujn ekspoziciojn bonvolos ankaŭ halti en Genova, kie nia movado bone progresas.

La jurnalo « Il Lavoro » malfermis Esp. rubrikon; samon faris la grava organo de la lombarda societo por la Paco « Vita Internazionale », eliranta en Milano, kie oni komencas pli fervore rigardi nian aferon.

Dro A. S.

**Orienta Italujo.**

La VIª porblindula kongreso, kiu okazis en Bologna, akceptis unuvoĉe la proponon de blinda samideano Pro Lorenzini por la enkonduko de Esp. kiel libera instruajo en la geblindulejojn; kursoj komencis en la blindulejoj de Bologna, Padova, Reĝgio Emilio. Espereble sekvos tiujn ekzemplojn la blindulejoj de Napolo, Palermo, Roma, Genova, kie ekzistas lertaj instruistoj de Esp.

A. T.

**Nord-Okcidenta Germanujo.**

Fondiĝis ligo de la diversaj grupoj de Hamburg-Altona por propagando kaj festo. En Hannover sukcesa parolado de Pro Rohrbach okazigis novajn kursojn; junula grupo de 30 anoj fondiĝis.

**Orienta Germanujo.**

En Kœnigsberg okazis plensukcesa regiona kunveno de U. E. A. Dum ĝi Fino Schmidt raportis pri vojaĝo Tiflison, kie troviĝas multe da Esp-ianoj.

**Sud-Orienta Francujo.**

En Grenoble, dank'al la klopodoj de nia Vicdel. Sro Roy kaj kun permeso de la urba konsilantaro malfermiĝis kursoj en la lernejoj. Nun 550 gelernantoj sekvas ĉiusemajnajn kursojn; kursoj ankaŭ okazas por geinstruistoj, ĉe la komercindustria asocio, ĉe la Laboristaj sindikatoj. Aliparte post la apero de la Universitata gvidfolio, multaj fremduloj petis informojn pri la kursoj de franca lingvo, speciale por ili kreitaj. Nedubeble estas, ke la venontan printempon, inter la milo da fremduloj studantaj en Grenoble, estos sufiĉe granda nombro da Esp-istoj. Tiuj sukcesaj klopodoj faritaj de la vicdel, kaj del. sub la aŭspicioj de U. E. A. pruvas bonege la utilecon de nia asocio.

A. P.

La Rodana Esp. Federacio anoncas, ke ĝia kongreso okazos en Lyon la 22-23 de Aprilo, kun la kongreso de S. F. P, E. Festa komitato estas jam elektita. En cirkulero ĝi rekomendas al siaj grupoj nian monoferon por aviada medalo.

**Bulgarujo.**

La ĉiusemajna bulg. jurnalo *Istina*, ol Pleven, regule eligas artikolojn pri Esp. Lastatempe aperis belega letero de Sro Leonoff, Esp-iano, kiu dank'al U. E. A. trovis bonegan oficon en Belgujo. Sro Krestanof faris sukcesan propagandan vojaĝon tra suda Bulgarujo.

I. K.

**Centra Rusujo.**

Okaze de la morto de L. N. Tolstoj la Moskva Esp. Societo kaj la gazeto « Ondo de Esperanto » sendis specialajn telegramojn kaj deputitaron ĉe la enterigan ceremonion.

**Al niaj distriktaj Delegitoj.**

Ni tre petas niajn D. D. ke ili bonvolu kiel eble plej ofte sendi al ni *tre mallongan noton* pri la stato de Esperanto kaj U. E. A. en sia distrikto. Tiuj notoj devas esti sendataj antaŭ la 10 kaj 2ª de l'monato por enpreso en la plej proksima Nº. Oni kompreneble konigu al ni nur faktojn sufiĉe gravajn. Informoj pri malnovaj faktoj ne estos enpresataj.

(Red.)

## DIVERSAĴOJ

∴ La *Internacia Financa Konsilantaro*, starigita laŭ la deziresprimo de la Barcelona Kongreso, konsistas ĝis nun el S-roj K. Biskup, Ed. Kuhnl, S. Lederer, D-ro V. Rosicky por *Aŭstrio*, Van der Biest por *Belgujo*, H.-F. Hœveler, J.-M. Warden, J. Pollen, R. Sharpe por *Britujo*, G. Aktardjiev por *Bulgarujo*, F-ino M. Noll por *Danujo*, L. Baudet, C. Bourlet, G. Chavet, L. Decourt, P. Dejean, D-ro Dor, Drudin, Ducros, G-lo Sébert por *Francujo*, Von Frenckell, D-ro Kandt, D-ro Mobusz, D-ro Mybs, D. Schiff por *Germanujo*, Brenon, Kap. Perogordo por *Hispanujo*, Evstifejeff Kap. Postnikov por *Rusujo*, R. de Saussure por *Svisujo*, E. Backheuser por *Brazilujo*, W.-L. Church, J. D. Hailman, F.-H. Lond por *Usono*. Entute, 34.

∴ *D-ro Zamenhof kaj Teozofio.* El « The Theosophic Messenger », organo de la Amerikaj teozofoj, post entuziasma artikolo pri Esperantismo :

« Dum la Washingtona Kongreso, D-ro Zamenhof petis la lokajn teozofojn klarigi al li teozofion, kaj, en privata kunveno, la fundamentaj principoj de teozofio estis klaragitaj al li. Li diris, ke tiuj principoj estas la samaj, kiuj lin direktis kiam li kreis Esperanton, kaj ke, antaŭ kelkaj jaroj, nenion aŭdinte pri teozofio, li verkis libreton, kiu pledis por la kreo de nova mondreligio bazata sur la samaj principoj ».

D-ro Zamenhof sendube aludas la broŝuron « Hilelismo » sub pseŭdonimo « Homarano » publikigita antaŭ la Ĝeneva Kongreso.

## TRA LA GAZETARO

— La gazeto *Kroata Esperantisto* reaperis, post momenta interrompo.

— En Germanujo, la *Germana Esperanto-Gazeto*, kies direktoro estas S-ro E Stark aperas de nun ĉiusemajne. Bonan sukceson !

— La Internacia Propagandejo Esperantista eldonas sub la titolo *La Propagandisto* trimonatan propagandan folieton, kiu interalie enhavas interesajn informojn pri la progresoj de la *Ĉekbanko Esperantista*. (Jarabono : 20 Sd.)

— La Bulgaraj kaj Rumanaj Esperantistoj kuniĝis por eldoni solan gazeton sub titolo *Danubo*. Gi aperos monate. (Abono : 1.40 Sm. Adreso : 5 Str. I. C. Bratianu, Bukarest.) Ekzemplo imitinda en multaj landoj malgrandaj kie la nacia gazeto nur vivetas kaj aperetas... Plie, plurnaciaj gazetoj estas pli konformaj al la ideo de Esperantismo ol pure naciaj.

— *Le Monde Espérantiste* anoncas, ke ĝi ne plu sin okupos pri polemikoj kaj sin dediĉos al la propagando de Esperanto ĉe la laboristoj.

— La novembra Nº de *Dana Esperantisto* estas preskaŭ tute dediĉita al la morto de nia bedaŭrata samideano S-ro de Skeel-Giorling. Apartan intereson prezentas la artikolo

de F-ino M. Noll pri diversaj cirkonstancoj de lia vivo. Subite malaperinta el Bruselo je la 14-a de oktobro, nia samideano estis retrovata nur 14 tagojn poste en la rivero Meuse. Oni supozas, ke sub la influo de cerbaj konfuzoj kaj teruraj kapdoloroj lin turmentantaj ofte, li laŭ sia kutimo longe marŝis kaj dum la nokto akcidente falis en la riveron. Lia fianĉino kaj F-ino Noll, alvokite, reportigis la korpon Kopenhagon ; dum tiuj malĝojaj cirkonstancoj multe helpis ilin la belgaj samideanoj.

— En Graz aperas *La Marto* (?) monata esp. ilustrita gazeto, kiu anstataŭas la mortintan *Semajno*. Sendube la nombro de la Esp. internaciaj gazetoj, kiuj klopodegas vivi, estas ankoraŭ tro malgranda !

## FAKAJ ORGANIZAĴOJ

Sub tiu titolo ni volonte enpresos la informojn de ĝenerala intereso, kiuj koncernas la vivadon kaj agadon de la fakaj organizaĵoj. Ni petas la sekretariojn de tiuj organizaĵoj, ke ili sendu al ni siajn komunikaĵojn antaŭ la 10a kaj 25a de ĉiu monato. Tiu servo estas rezervata al la fakaj organizaĵoj, kiuj estas Esperantiaj Asocioj aŭ Entreprenoj.

∴

### T. E. K. A. (Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio).

Kiel oficiala organo de T. E. K. A. aperas nun sub la titolo *Internacia Medicino* monata scienca jurnalo. Internacia redaktantaro gvidos la vere modernan jurnalon, legindan antaŭ ĉio ne pro lingvaj interesoj, sed pro ĝia enhavo. Precipe la internaciaĵoj en medicino estos pritraktataj. T. E. K. A. anoj ricevas la jurnalon senpage ; aliaj abonoj jare 3 Sm., unu No 0,30 Sm. *Internacia Medicino* estos ankaŭ tre utila por propagando. Tial la eldonejo liveros ĝin al la Esperantaj grupoj (sed nur al la grupoj) la tutan jaron po 1 Sm., se ili ĝin mendos kaj pagos ĝis 15 tagoj post apero de tiu informo. (*Internacia Medicino*, Kœtzchenbroda-Dresden, German).

∴

### Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj.

Tiu Asocio estis fondata dum la Barcelona Kongreso, en la celo kunigi la Esperantistajn fervojistojn. Ĝi nun kalkulas ĉirkaŭ 170 diverslandajn membrojn. Dua kunveno okazis, kiel oni scias, en Kopenhago la 30 Aŭgusto. Dum decembro jus aperis la unua No de la dumonata bulteno de la societo sub la nomo *Fervoja Esperantisto*, kiu enhavos la necesajn informojn pri la agado de la societo, Redakcio : S-ro Bontemps, staciestro, Parennes, Sarthe (France). Jara abono : 1 Sm.

∴

### Esperantista Sporta Unio

Tiu nova Unio, kies sidejo estas : 424 Avenue de Paris, en Saint-Denis — apud Parizo — (Francujo), celas disvastigi ĉiujn sportojn inter la esperantistoj, al ĝi aliĝantaj, kaj diskonigi la Zamenhofan lingvon Esperanto inter ĉiuj sportanoj.

La E. S. U. organizas por la dimanĉo 8a de januaro 1911, en Saint-Denis, futballudadon inter ĝia Saint-Denis'a sekcio, kaj ĝia sekcio de la Pariza regiono. Post tiu renkonto, vespermanĝo kun balo kunigos ĉiujn E. S. U. anojn. Prezo : 1 Sm. ĉie, por partopreni la vespermanĝon kaj la balon.

Ĉiuj kiuj deziras aliĝi al E. S. U. tuj sendu sian kotizon, Jare : 1 Sm. al la sekretario ĉe la supremomita adreso. Enskribo antaŭ la 1a de Januaro rajtigos la aliĝinton partopreni la suprediritan futballudadon, se sciiĝon pri tio li sendas al la sekretario.

E. S. U. organizas ankaŭ ĉiujn aliajn diversajn sportojn vintrajn, kaj dum somero, ĝi organizos ĉiujn somerajn sportojn.

Natalis Hanol (Subdel. U. E. A.)

## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

### OFICIALA INFORMILO

**Komitato de U. E. A.**

La Komitato de U. E. A., elektita dum novembro (vidu *Esperanto* de 5 decembro) jus faris la jenajn elektojn :

S-ro H. BOLINGBROKE MUDIE, *Prezidanto ;*
S-ro Th. ROUSSEAU, *Vicprezidanto ;*
S-ro H. HODLER, *Direktoro de la Centra Oficejo U. E. A. ;*
S-ro Ed. STETTLER, *Vic-direktoro de la Centra Oficejo U. E. A.*

Sekve de sia elekto kiel Direktoro, S-ro Hodler, laŭ § 42 de la Statuto, eliris el la komitato. Konforme al la Statuto li estis anstataŭata de vickomitatano. S-ro PRIVAT, havinte la saman voĉnombron kiel S-ro STROMBOLI, estis lotume montrata kaj sekve fariĝas *komitatano.*

Plie, S-ro Ed. Stettler estis elektita kiel *financa fakestro.* Provizore la aliaj fakoj estos prizorgataj de la direktoro.

**Al niaj membroj.** — La Jarlibro de U. E. A. por 1911 aperis je la fino de decembro. Laŭ la Statuto ĝi estos sendata al ĉiuj Esperantianoj kun la membrokarto. Ni komencos la ekspedadon de la Jarlibro en la unuaj tagoj de *januaro.* Ĝi estos sendata nur al la Esperantianoj pagintaj sian kotizaĵon por 1911 kaj kies valoro estos ĉe la centra kaso de U. E. A. Ni rememorigas, ke la antaŭa sistemo de numerado estos forigita. La membroj estos numerataj de 1 ĝis senfino, laŭ la ricevo de ilia aliĝo.

**Al niaj Delegitoj.** — Ni tre petas la Del, kiuj tion ne ankoraŭ faris, ke : ili bonvolu kiel eble plej *baldaŭ* zorgi pri la repago de la kotizaĵoj de la membroj kaj Esp-iaj Entreprenoj en sia regiono.

∴ Nova *Oficiala Bulteno* aperos dum januaro.

∴ Ni petas ke oni ĉiam sendu la membrolistojn sur la specialaj formuloj difinitaj por tio kaj ke oni ne uzu ilin por aliaj komunikaĵoj.

**Gazetaro.** — Ni ĉiam petas la personojn, kiuj skribos gazetartikolojn pri U. E. A., ke ili sendu al ni almenaŭ unu ekz.

Inter la gazetoj parolintaj lastatempe pri U. E. A. ni povas citi bonegan artikolon en la *Paix par le Droit* (novembra No, paĝo 636).

**Novaj Delegitoj, Vicdel. aŭ Subdel.**

Alfreton (Anglujo). — Harry Shaw, Fernleigh Villa, Leabrooks.

Arnstadt (Germanujo, Thüringen). — E. Wengler, Gehrenerstr, 9. — Kunze Lohmühlenweg, 1, Vicdel.

Biarritz (Francujo, Basses-Pyrénées). — Louis Bouzac, avenue de Bayonne, Villa Aurore.

Cornigliano Ligure (Italujo). — Inĝ. E. Campazzi, Vico Asilo, 1-9, Subdel.

Coruna (Hispanujo). — M. Monteagudo, C. Santa Calalina, 28.

Falkenstein (Germanujo, Saksujo). — Willy Kœnig, Vogtlandische Kreditanstalt.

Givors (Francujo, Rhône). — Michel Gachet, 20, str. Victor Hugo.

Koetschenbroda (Germanujo, Saksujo). — W. Schlag, Bornstr., 7, Subdel.

Kovno (Rusujo). — Al. Nedoŝivin, Miĥajlovskij prosp. A. Rac.

La Roche-sur-Yon (Francujo, Vendée). — Giraudon.

Leith (Skotlando). — James Robbie, 42, Strathearw Road, Vicdel.

Mc-Minnville (Usono). — E.-F. Perkins, komercisto, Vicdel.

Merlés-le-Chateau (Belgujo). — Inĝ. Oscar Delavignette, Subdel.

Monaco (Monako). — S-ino de Ferrer, 9, rue de la Turieb.

Oban (Skotlando). — William Jolly, Columba Buildings.

Olot (Hispanujo). — Josef Pi, Passeig del Firal, 21.

Orense (Hispanujo). — Sal. Padilla, Catedratico del Instituto.

Peterburg (Rusujo). — Al. Zajcev, Peterb, Storona, Mitninskij per. d. 5, kv 55, Vicdel.

Philadelphia (Usono). — Harry Sest, 119, Norda 63-an Str.

Pihl (Aŭstrio, Bohemujo). — Ferd. Jochmann, N° 25.

Tilbourg (Nederlando). — F.-J.-C.-H. Knaapen, Spoorlaan, 17.

Tours (Francujo, M.-et-L.). — Maurice Patin, 5, rue Michelet, Vicdel.

Tupliĉe apud Kranj (Aŭstrio), Mihael Nagliĉ, Zgornja Bela, 21.

Vitkovice (Aŭstrio, Bohemujo). — Jan Gabzdyl, Louisova jama, 413.

**Ŝanĝoj.**

Baltimore : La Del. loĝas nun, P. Hoffmann, 623, Paŭl Str. — Bremen : La Del. estas nun, B. Bœmig, Calvinstr., 56. — Ĉerveny Kostelec : La Subdel. estas nun, F-ino Berta Kyzlarova, Zalozna. — Gand : La Del. estas nun, Henri Petian, 60, boulevard St. Lievin. — Kairo : La Del. loĝas nun, D-ro H. Ŝipek, Oaze Heliopolis vis-à-vis d uPalace Hôtel. — Kars : La Del. loĝas nun, St. Pavlidi, Akropol Tuapse Caucase. — Kladno : La Del. estas nun, O. Kaĉi, Tyrs 983 ; la Vicdel., F. Stribrsky. Mala panska ul. — Moskvo : La Del. loĝas nun, St. Szabuniewicz, Krivokolennij per. dom. de Sytov, Telef. 253-99. — New-York : La Del. loĝas nun, J. Silbernik, East 19-th str. 240. — Pittsburg : La Del. loĝas nun, John. M. Clifford, Braddock.

*Kontelitiro de U. E. A. de Septembro* (1)

| Elspezoj | $ | Enspezoj | $ |
|---|---|---|---|
| Lupago | 11 40 | Kotizaĵoj | 134 10 |
| Salajro | 141 » | Esperantia Entrepr. | 8 » |
| Oficejo | 124 12 | Gvidfolioj | 36 50 |
| Presaĵoj | 101 24 | Donacoj | 0 96 |
| Insignoj | 40 40 | Diversaĵoj | 3 58 |
| Propagando | 15 12 | | 183 14 |
| Diversaj kontoj | 94 34 | *Saldo* | 344 48 |
| | 527 62 | | 527 62 |

**Oktobro** (2)

| Elspezoj | | Enspezoj | |
|---|---|---|---|
| Lupago | 12 80 | Kotizaĵoj | 111 26 |
| Salajroj | 96 68 | Esparantiaj Entreprenoj | 10 » |
| Oficejo | 140 10 | Gvidfolioj | 5 » |
| Materialo | 54 72 | Broŝuroj rusaj | 24 69 |
| Propagando | 31 94 | Venditaĵoj | 28 15 |
| Presaĵoj, parte por la nova jaro | 217 78 | Anoncoj | 25 50 |
| | | Donacoj | 170 60 |
| Diversaj kontoj | 109 79 | Dumvivaj membroj | 60 » |
| Kongreso U. E. A. | 110 81 | Aviado | 29 86 |
| | | Diversaj enspezoj | 2 61 |
| | 774 62 | | 467 67 |
| | | *Saldo* | 306 95 |
| | | | 774 62 |

(1) Pro manko da libera spaco ni devis prokrasti la publikigon de la kontelitiroj de septembro kaj oktobro. — *Esperanto.*

(2) La plena Bilanco de la jaro 1910|11, sekvos poste.

*Donacoj por U. E. A, dum Novembro*

| | $ |
|---|---|
| Schoor | 0 50 |
| Sengerob | 1 10 |
| Perrusson | 1 60 |
| Zeniŝek kaj Meyer | 0 70 |
| Marcoff | 0 54 |
| Knaapen | 1 15 |
| Ratek | 0 48 |
| Malgrandaj donacoj | » » |
| *Sume* | 6 07 |

*Donacoj por pakalo al aviado*

| | |
|---|---|
| Vejtaler | 1 » |
| Perrusson | 0 40 |
| Soriano | 1 » |
| Stroele | 2 30 |
| Kudela | 0 50 |
| D-ro Drtina | 0 50 |
| Malgrandaj | 0 46 |
| Nicole, Choisy | 0 50 |
| Grupo Roanne | 0 80 |
| Ajard Nemoars | 1 20 |
| Grupo Esperantista, Le Creusot | 4 60 |
| Gegrupanoj de sama urbo | 2 60 |
| Katolika Verda Stelo | 2 60 |
| Habermehl | 0 80 |
| | 19 26 |
| *Antaŭ liste* | 35 40 |
| | 54 66 |

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

*Fondita la 28 aprilo 1908*

**Celo.**

*Universala Esperanto Asocio* (U. E. A.) celas : 1e Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materialajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri lingvo, nacieco kaj raso ;

2e Krei fortikan ligilon de solidareco inter siaj membroj ;

3e Krei praktikan servaron uzeblan de ĉiuj homoj kaj institucioj kies interesoj celas trans la limoj ilia nacio aŭ lingvolando ;

4e Starigi neŭtralan fundamenton, super kiu ĉiuj progresemaj homoj povos pace interkomunikiĝadi sen reciproka altrudo de siaj gentaj apartaĵoj.

**Servoj.**

Por ĉiuj membroj :

Senpaga ricevo de la *Oficiala Jarlibro* (130-paĝo libreto kun plenaj informoj pri U. E. A.)

Servo de informpetoj, speciale pri turismo, komerco, industrio, laboro, junuloj, studentoj, virinoj, maraferoj, kaj helpado al vojaĝantaj turistoj, junuloj, virinoj.

Eldonado de gvidfolioj. Aranĝo de ekskursoj kaj karavanoj k. t. p.

Delegitoj kaj diversfakaj konsuloj en ĉirkaŭ 900 lokoj.

Por Esperantiaj Entreprenoj : Servo de reklamo kaj disdonado de reklamiloj.

Juraj informoj.

Senpaga anonco en la Oficiala Jarlibro. (8.000 ekz.)

**Kotizaĵoj.**

| | Jara | Dumviva |
|---|---|---|
| Membro | Sm. 0,50 | Sm. 10 |
| Entrepreno | — 5 | — 120 (30-jara) |
| Aprobanto | — 1 | — 24 |

Por aliĝi sin turni al la regionaj Delegitoj aŭ al la Centra Oficejo de U. E. A.

**Estraro.**

*KOMITATO* : H. Bolingbroke Mudie (London), *prezidanto*. Th. Rousseau (Dijon), *vicprezidanto*. P. Blaise (London). A. Carles (Béziers). Dro M. Kandt (Bromberg). P. Linares (Cordoba). F. Rockman (Magdeburg). J. Schmid (Bern). S. Szabunievicz (Moskvo). Ed. Privat (Paris).

*CENTRA OFICEJO DE U. E. A.* : 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svis).

H. Hodler, direktoro. Ed. Stettler, vicdirektoro.

**OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE U. E. A.**

**Oficiala Jarlibro 1911.** — Plenaj informoj pri U. E. A. Listo la de Delegitoj, Sub-delegitoj, Oficejoj kaj Entreprenoj, Prezo : 30 Sd. Senpaga por Esperantianoj.

**Oficiala insigno** — Verda stelo kun blanka tranĉrando kaj la literoj U. E. A. Prezo : 36 Sd. (pinglo aŭ broĉo), butono 40 Sd. Por rekomendata sendo, 10 Sd. plie.

**Oficialaj leter paperoj, kovertoj kaj poŝtkartoj.** — 100 folioj de leterepapero : **70 Sd.**, 100 kovertoj : **40 Sd.**, 100 poŝtkartoj : **70 Sd.**

**Oficialaj Markoj.** — Markoj kun la bildo de Dro Zamenhof, gluotaj sur la korespondaĵoj. Prezo : 100 ekz, 85 Sd.

**ESPERANTIA BIBLIOTEKO**

*Oficiala serio*

1. **Oficiala dokumentaro de la 1a kongreso de U. E. A.** — Plenaj raportoj pri la agado de U. E. A. Protokolaro de la kunvenoj listo de Kongresanoj. Prezo : 50 Sd. afranke.
2. **Oficiala Jarlibro.** — (Vidu supre).
3. **L'Esperantisme.** — Propaganda broŝuro en *franca* lingvo pri Esperantismo, U. E. A. kaj ĝiaj servoj, kun elementoj de la lingvo Esperanto. Verkis H. Hodler. Prezo : 8 Sd. afranke.
4. **The Esperantism.** — Sama broŝuro en *angla* lingvo. Prezo : 5 Sd. afranke,
5. Germana eldono de la supra broŝuro en preparado.

. .

Ĉiuj supraj eldonaĵoj estas riceveblaj de la *Universala Esperantia Librejo* 10 rue de la Bourse, *Genève* (Svis.)

# 2a KONGRESO DE U. E. A.

Ni povas anonci, ke la **2a Kongreso de U. E. A.** okazos en *Antverpeno* de la *27a ĝis la 30a de Aŭgusto*, tuj *post* la Universala Kongreso de Esperanto. Por kiel eble plej faciligi la vizitadon de nia kongreso la prezo de la *Kongreskarto*, kiu rajtigas al ĉeestado je ĉiuj kunvenoj kaj senpaga ricevado de la kongresdokumentoj, estas fiksita nur je **2 $**.

Plie, kiel la lastan jaron, la personoj, kiuj ne povas ĉeesti la kongreson sed tamen deziras ĝin helpi materiale, povas aliĝi kiel *helpkongresanoj* pagante la sumon da **1 Sm.** Ili interŝanĝe ricevos senpage la *kongresdokumentaron* kaj rememoraĵojn pri la Antverpenaj kongresoj.

Ni rememorigas, ke kvankam okazanta en la sama urbo, la Kongreso de U. E. A. estas tute memstara de la Esperantista Kongreso. La kongreskarto de ĉi tiu lasta do *ne* rajtigos al senpaga partopreno ĉe la Krongreso de U. E. A.

La aliĝoj estas ricevataj tuj de nun ĉe *Esperantio*, 10, rue de la Bourse, *Genève*.

Antaŭen por la sukceso de nia dua Kongreso !

*Kiu deziras ricevi senpage la Oficialan Jarlibron de U. E. A, (130 paĝoj), tiu rapidu pagi sian kotizaĵon por 1911.*

NIAJ KONKURSOJ

## Esperantia Ŝildo

Ni dankas la multenombrajn personojn, kiuj respondis nian alvokon kaj sendis al ni projektojn de *Esperantia Ŝildo* por nia konkurso.

La rezultatoj de ĉi tiu konkurso kun la nomo de la laŭreatoj aperos en nia venonta No, post la ekzamenado de speciala komisiono.

# Esperantia Parolejo

**Por teknikistoj**

Intencante ellabori folion destinitan al miaj kunmetianoj, mi deziras enmeti informojn pri faktoj tiel multe kiel eble.

Do mi petas kolegojn ke ili bonvolu sciigi min : 1e ĉe kiu teknika jurnalo nacilingva vi ĝis nun sukcesis enpresigi regule aŭ de tempo al tempo esperantajn artikolojn kun teknik - scienca enhavo originale aŭ traduke verkitajn (ekzemple franca jurnalo « L'Aero »).

2e En kiu teknika jurnalo aperas informoj pri kunvenoj Esp. kaj ĝenerala Esp. movado.

3e Kiu tia jurnalo iam en la teksto sin okupis pri internacia komprenilo.

Fine mi aldonas peton al samideanoj de tiu urbo, kie okazas iu teknika aŭ scienca ekspozicio (internacia) ke ili sciigu tion sufiĉe frue al ĉiuj en-kaj eksterlandaj Esp. gazetoj. Grava estus aranĝo de speciala Esp. propaganda vespero ĉe ĉiu tia okazo — aŭ kunveno simile al la ĉiumonata vespermanĝo de la grupo Pariza, al kiu oni krom la alveturantoj ankaŭ invitas eminentulojn neesperantistajn.

Estas necese ke tiu invito estu presita en teknikaj jurnaloj nacilingvaj monatojn aŭ semajnojn antaŭe, ĉar ili ĝenerale nur monate aperas kaj la legantoj intencantaj vojaĝi, devas havi tempon.

Ne necesa estas longa artikolo, ĉar ĝi nur malofte estas akceptata, sed oni klopodu ke oni presu la informon en taŭga loko.

Certe ĉiu jurnalo teknika akceptas tiujn mallongajn invitojn precipe, se vi samtempe povas sciigi pri parolado kun teknika enhavo. Estas ne necese, ke ĝi estu farita de esperantisto, estas eble pli bone, se ĝi nur estus tradukita esperanten. Kompreneble estas preferinda la kontraŭa maniero por ke ĉiuj povu profiti ĝin.

O. Bergmann,
Kaiser Friedrichstr, 35, II.
Charlottenburg, Germanujo.

**Kelkaj vortoj pri ekspozicioj**

En la Dresdena ekspozicio de pupoj la tieaj esperantistinoj aranĝis specialan fakon de pupoj, vestitaj en diversnaciaj vestoj. « Dresdener Nachrichten » tre favore priparolis tiun ĉi partoprenon kaj oni povas esti certa ke ĝi estas bona propagandilo. Mi opinias, ke la Dresdena iniciato estas imitinda ekzemplo por aliaj Esperantistoj. Oni devas organizi la diversajn internaciajn ekspoziciojn per Esperanto ; ekzemple la ekspozicion de artaj poŝtkartoj de diversaj landoj. La delegitoj de U. E. A. povus multe helpi je tio ĉi kaj post la ekspozicio la poŝtkartoj estus facile vendeblaj. Antaŭ Kristnasko oni povas aranĝi internacian ekspozicion de infanaj ludoj kaj ludiloj, ktp. Tiamaniere oni paroligos la publikon pri la ekspozicio kaj ankaŭ pri Esperanto. Iom post iom la grandaj amasoj de publiko kutimiĝos praktike rigardi Esperanton, kiel grandan kulturan ilon por la internaciaj rilatoj.

Jan Bijejko, (Leipzigo).

*Tiu ĉi No estas sendata kiel specimeno al sufiĉe multaj samideanoj. Ni esperas, ke ili bonvolos ĝin favore konsideri kaj helpi nian agadon, abonante* **ESPERANTO.**

# REKLAMO

## TARIFO

### Anoncetoj.

Korespondado. — *Unu enskribo (2 linioj):* $ *0.20 (= 50 centimoj).*

Petoj & Proponoj ;Komercaj reklamoj. — *Unu linio (10 vortoj) :* $ *0.15 (= 40 centimoj).*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

### Reklamo.

*1 linio aŭ ĝia spaco Sm. 0.20 (= 50 centimoj).*

*Por 4 enpresoj (anonceto aŭ reklamo) rabato de 10 o/o ; por 12 enpresoj, 25 o/o ; por 24 enpresoj (unu jaro), 50 o/o.*

Avizo. — Ĉia reklamo aŭ anonceto estu sendata antaŭ la 10-a kaj 25-a de ĉiu monato al nia administrejo aŭ per niaj agentoj. Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj ne akceptataj (krom por Hispanujo kaj Rusujo).

Ĝeneralaj Agentoj. — G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris* ; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.* ; Germana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig* ; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo*.

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* b.fl. = *bildflanko.*

Amiens (Francujo, Somme). — S-ro L. Billet, 147, rue du Moulin, PI. PM., nur kun Turkoj, Grekoj, Rumanoj, Serboj, Bulgaroj, Montenegroj, Portugaloj, Italoj, Svisoj, Svedoj, Norvegoj, Belgoj. Ĉiam tuj resp.

Cordoba (Respubliko Argentina). — S-ro Martin Foledo, str. Lima 234. PI. L. kun ĉiuj samideanoj. Li serĉas ankaŭ poŝtmark kolektistojn en sia lando, sed li mem ne kolektas.

Basel (Svisujo). — S-ro Jules Pidoux, Müllheimerstr. 37. PM. Kun alilanduloj ; ĉiam respondas.

Kladno (Bohemujo). — S-ro Adolf Kobl L. PK. PI. (marko bildflanke).

Bruselo (Belgujo). — S-ro V. Lamberts, poste restante (bel. lokaj PI. PM. bildfl.)

Boulogne-sur-Mer. — S-ro Victor Haignéré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

Olomouc (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Vojtêch Nêmec, Ztracer à, 38, PI. PM. sur la bildfl.

Kassel (Germanujo). — S-ro Otto Dœhner Wolfsschlucht, 27, PI.

Jaszapati (Hungarujo). — S-ro A. Koczka PI.

Turku (Rusujo-Finlando). — S-ro K. H. Saren studento, Wenajankirkkokatu 9 b.

Portsmouth (Anglujo). — S-ro Reuben Snosk, 82, Maunevs Road.

Kounice (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ludvik, Učitel, PI. L. ankaŭ per fotografajkartoj precipe kun samideanoj el Romo, Venezio, Ĝenovo, Milano, Napolo ; ĉiam respondos.

St-Chamond (Francujo). — F-ino Farlay PI. L. PK.

Murviel-lès-Béziers (Francujo-Hérault). — S-ro Joseph Salasc PI. PM. kun alilanduloj.

Lodz (Rusujo-Polujo). — S-ro K. Orzechowski, Piotrkowska N° 242 PI. L. P. M.

Précy-saint-Martin (Francujo-Aube). — S-ro Hugot, instruisto PI. prefere kun Sudeŭropanoj.

Bad Kissingen (Germanujo, Bavarujo). — S-ro Heinrich Neŭbert, poŝtsekretario, Bibrastr 1. PI. PM.

Kladna (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro M. A. Šule, Kralovska trida 774. PI. ĉiam respondas.

Budapest (Hungarujo). — S-ro Francisko Neuhold, seruristo. V ker Zapolya utcza 20 I em 20. PI. L. ĉiam respondos.

Moskvo (Rusujo). — S-ro B. A. Vredenskij, Filipovskij per. d. N° 9 PI. kaj L.

Bodenbach (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Josef Haŭf, Teplitzerstr. 14. PI. L. Respondas tuj kaj ĉiam.

Manlleu (Hispanujo-Kataluna) F-no N. Caballeria, Sn. Jaume. F-ino F. Panedas, P. Sn. Juan. F-ino M. Ausiro, Hera Nova. F-ino C. Colomer, P. Sn. Juan. F-ino J. Caballeria, Pont. F-ino C. Castell, P. Sn. Juan.

Bitterfeld (Germanujo). — S-ro Max Kirchhoff, Mittelstr. 13. PI. L. PM.

Sabadell (Hispanujo-Cataluna). — S-ro Johano Rirg Strato Montserrat, 49, PK. kun alilanduloj.

Hutna Hora (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ferda Langpaul, interŝanĝas antikv, aŭstr. p. m. kun ĉiuj samideanoj. PI. PK. L. Honora ago-ĉiam respondos.

Koeln a/ Rhein (Germanujo). — S-ro Ernesto Fleischer, Moltkestr, 45, PM. PI. L. kun gesamideanoj en la tuta mondo ; precipe vidajojn de ĉefurboj.

Kladno (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Fr. Stribrsky, Mala Panska ul PI. L. naciaj kostumoj, montoj kun fervojistoj de terglobo. Ĉiam resp.

Limoges (Francujo). — Junula esperantista grupo, 10, Passage d'Aine L. PI.

Chateauroux (Francujo, Indre). — S-ro André Berger, 46, rue Raspail. Kun gesamideanoj de la tuta mondo per PI. L. respondos tuj.

Bodenbach (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Franz Buczk, grafa oficisto.

Ujszasz apud Szolnok (Hungarujo). — S-ro Géczy Janos PI. tuj kaj ĉiam respondas.

Kristiania (Norvegujo). — F-ino Theordis Thomsen, Stolmakergt 6 IV ; knabino 9 jara kun gesamaĝuloj PI. precipe kun naciaj kostumoj.

Moskvo st-Stschelkovo (Rusujo). — S-ro Boris Tugarinov, Magaz de Rubcov, L. PI. prefere pejzaĝojn, popolajn tipojn kaj depu tatejojn.

Sopron (Hungarujo). — F-no Kato de Zsigmond, Konsulino de U. E. A. kun neeŭropanoj PI.

San Sebastián (Hispanujo). — F-no Karmen Mena, F-ino Angelita Mena kaj, F-ino Aŭroro Mena, str. Aldamar 6. PI. F-ino H. Karlota Guerendiajn, str. Gral. Echagüe 7. S-ro Garcia Pomarada, leŭtenanto, str. Cuartel de Infanteria.

Obergrund, Boh. N. B. (Aŭstrio). — S-ro Julius Patzelt.

Steinschoenau (Aŭstrio, Nordboh.) S-ro Heinrich Prenosil, Glasfabriko, N° : 672, PI. PM. — S-ro Gustav Muff, Glasfabriko Jílek & Vetter. PI. PM.

Ullrichsthal (Aŭstrio, Nordboh.). — S-ro Julius Weipert, komercisto, PI. L. Certe respondos.

Ebersbach (Germanujo, Sa.). — S-ro Oswald Kairies, Grenzstr. 854. PI. — S-ro Alfred Wolf, Schulstr. 786, b. PI. — S-ro Bruno Zindler, 301, PI. — S-ro Walter Güttler, Wettinstr. 863, b. PI.

Eibau (Germanujo, Sa.). — S-ro Paul Reimann, Ebersb. Seite 294.

Nazli (Turkujo). — F-ino Kaliopitra Mariniathou L. PK. PM. bldflk. — F-ino Crietta Lili, poŝtoficistino, Yolrari. Nazli L. PK. PM. blflk.

Gerona (Hispanujo, Katalunio). — S-ro T-ko Gruartmoner, sto Sta Clara 8 PI.

Valas Mezirici (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Karel Haltmar, Zadrucka 374, PI. L. PM.

Villeneuve-sur-Yonne (Francujo, Yonne). — S-ino Dolbau, rue de Valprofonde. PI.

Bruxelles (Belgujo) — S-ro Louis Stvens, 5, rue de Munich, St-Gilles. PI. — S-ro René Lallemand, 70, rue du Conseil, Ixelles. PI.

Warwick (Queensland, Australia). — S-ro C. C. Dornbusch. PK. L. — S-ro : P. W. Pears. PK- L.

Česka Skalice (Aŭstrio-Bohemujo). — S-ro In. Koŝ horloĝisto PI. — S-ro Karel Paŭl, PI.

Červeny Kostelec (Aŭstrio-Bohemujo). — S-ro Frant. Baliček. instruisto PI.

Bohmisch Skalitz (Aŭstrio-Bohemujo). — S-ro Franz Rotter, oficisto PI.

Beaune (Francujo, Côte-d'Or). — S-ro Louis Bard, 36, place Madeleine, PI.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

## MARŜO DE LA ESPERANTIANOJ

Marŝu antaŭen, Esperantianoj,
Avangardo de la batalantoj
Por la paco, pioniroj fervoraj,
Vi, dissemantoj de vivo kaj am' !... (Ktp.).

L. Scarselli.

N. B. — Por akiri muzikaĵon de tiu poemo, sin turni ĉe n. E. O. aŭ ĉe l'aŭtoro en Firenze. via del 'Agnolo 48.
Prezo : Sm. 0.50 (Fr. 1.25).

---

## ĈAMPANO ESPERANTO

Pro sia bongusto, pro sia natureco, pro sia komerca marko : « La Verda Stelo », tiu ĉampanvino de la firmo Gustave Ivernel ĉe Ay, Champagne, Francujo, speciale taŭgas por Esperantistaj kongresoj, festenoj, kunvenoj, k. t. p.

Po 1 botelo : Sm. 1.10, 1.40, 2 laŭ kvalito ; Fr. 2.75, 3.50, 5 laŭ kvalito. La botelo prenita ĉe Ay.

Por mendoj, informoj kaj prezaroj sin turni al : S-ro WILLERMOZ, U. E. A., No 19 - 44.94.1 ĝenerala riprezentanto por la tutmonda Esperantujo.

Oni petas pri fidindaj subagentoj.

*Quai Lunel, 24, Nice, France.*

---




VAN DE STADTS

## ALUMINIA LUTO VERA

ĜENERALA AGENTO :

**J. VAN DE STADT,**

*12, Avenue de Keyser, Antverpeno, Belglando.*

---

GRANDA HOTELO DU GLOBE, Paris, 71, rue Monge (apud rue Lacépède). Posedanto A. Leclerc. Proksime stacidomoj Austerlitz-Lyon-Montparnasse kaj Sportoĝardeno Sorbonne-Luxembourg'a ĝardeno. Ĉambroj de 0,80 Sm. ĝis Sm. 2. La gemastroj estas esperantistoj.

---

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Esperanto ; Germanujo, Leipzig, Augustenstr. 17 p. r.

---

9 LAMPIONOJ, formante la vorton Esperanto, Sm. 1.50 kaj sendelspezoj. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Augustenstr. 17, p. r.

---

150 ESPER. POŜTKARTOJ diversaj Sm. 4.50 (100, 3 Sm.). Mendu prezaron. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Augustenstr. 17 p. r.

---

INTERNACIA PROPAGANDA KORESPOND-POŜTKARTO, seslingve kun belega bildo de nia majstro. Po 10 ekz. Sm. 0.15; po 50 ekz. Sm. 0.55; po 100 ekz. Sm. 0.90; 1000 ekz. Sm. 5.20, afrankite. Oni akceptas ankaŭ poŝtmarkojn ĉiunaciajn, transpagilojn kaj Espĉekojn. *Germana Esperanto-Librejo*, Sternwarte 40, Leipzig, Germanujo.

---

DELEGITOJ ! Prezarojn petas Rotterdamsche gereedscharhandel, Nieuwe Markt, 11, Rotterdam, Nederlando. Societo por la vendado de iloj kaj maŝinoj por buĉistoj.

---

## VELUROJ

en tutaj pecoj po 20-25 m da longeco, nigraj kaj koloraj, plej supera fabrikaĵo de plej bona kvalito, liveraĵaj malkare de

**Anton Otto Jun., St. Georgenthal**

**Norda Bohemujo. Aŭstrujo**

---

*La sola internacia signo estas :*

## La VERDA STELO " GASSE "

*kun ore skribita vorto " ESPERANTO " (déposée-registrita).* (8a jaro)

**REKONIGILO ! PROPAGANDILO !**

Pingloj, broĉoj, kravataj pingletoj : 1 : Fr. 0 75. 10 : Fr. 6. — 100 : Fr. 45. — afr. kaj rekom.

Ĉensignoj (kun duobla faco) 1 : Fr. : 1 50, 10 : Fr. 12. — Afr. kaj rekom. Konto kun Ĉekbanko.

Mendu ilin al via grupo, aŭ per simpla poŝtkarta mandato al Sinjoro Emilo Gasse, 55, rue Fred. Bellanger, Havro, Francujo, aŭ al subtenejoj : Belgujo : S-ro. O. Van Schoor, Vondelstr. Antverpeno. Britujo : Esp. Oficejo Liverpool. Germanujo : Moller et Borel, Berlin. Hispanujo : Manuel Fuentès Bidebarrieta, Bilbao. Rusujo : Moskva librejo Esperanto, Tverskaja 28. Moskvo.

---

**RIPREZENTANTO DE RUSAJ LEDFABRIKOJ**

## Bernardo Zalmanson

VILNA RUSUJO, 23, *Aleksandrovski bulv.*, 23

Havanta multjaran komercan praktikon kaj grandan klientaron, *deziras reprezentadon de ĉiuspecaj firmoj en-kaj eksterlandaj. Referencoj estas unuagradaj.*

---

**PLI MALKARE OL IE AJN**

Senpera Vendado de la Regionaj Produktoj

## Esperantista Eksportoficejo

*58, Rue Mulatière, 58*

**SAINT-ÉTIENNE** (Francujo)

Rubandoj — Veluroj — Galonoj — Punto de Le Puy.
Ĉaspafiloj, revolveroj, fiŝkaptiloj, sportiloj — Bicikletaĵoj, bicikletoj — Teksiloj — Kudromaŝinoj — Pormetia trančilaro — Perfektigitaj vinkulturaj maŝinoj : pumpiloj kaj vinherpremiloj.
*Silkaj Esperantaĵoj* : Flagetoj, skarpoj, kravatoj (speciala katalogo). — Silka portreto de D-ro Zamenhof. — Likvoro digestiga Esperantine.
*NOTO.* — Pri ĉiu informpeto, sin turni al la Esp. Eksportoficejo per poŝtkarto kun pagita respondo aŭ sendante reskondkuponon.

---

*La Administranto (Gérant) :* Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

